# LA EVANGELIO
# SANKTA MATEO

LAU D^ro^ MARTIN LUTHER

TRADUKITA
EN LA LINGVON INTERNACIAN
ESPERANTO

DE

**W. B. MIELCK** KAJ **FR. STEPHAN**

KUN ANTAUPAROLO DE

LIC. D^RO ALFRED JEREMIAS
PASTRO DE LA LUTHER-PREĜEJO KAJ
DOCENTO DE LA UNIVERSITATO EN LEIPZIG



LEIPZIG 1906
J. C. HINRICHS'SCHE BUCHHANDLUNG
RICEVEBLA DE
ESPERANTO VERLAG MÖLLER & BOREL
BERLIN S. PRINZENSTRASSE 95

# LA EVANGELIO
# SANKTA MATEO

LAU D^RO MARTIN LUTHER

TRADUKITA
EN LA LINGVON INTERNACIAN
ESPERANTO

DE

**W. B. MIELCK** KAJ **FR. STEPHAN**

KUN ANTAUPAROLO DE

LIC. D^RO ALFRED JEREMIAS
PASTRO DE LA LUTHER-PREĜEJO KAJ
DOCENTO DE LA UNIVERSITATO EN LEIPZIG



LEIPZIG 1906
J. C. HINRICHS'SCHE BUCHHANDLUNG
RICEVEBLA DE
ESPERANTO VERLAG MÖLLER & BOREL
BERLIN S. PRINZENSTRASSE 95

Al

Sinjoro **Th. Cart,**

Profesoro de la Universitato en Paris

kaj la fervora batalanto por Esperanto

kun alta estimo

dediĉita

# Vorwort.

Einer meiner ehemaligen Schüler, Herr Fritz Stephan, hat mich gebeten, für seine Übersetzung des Evangeliums St. Matthäus, die Herr W. B. Mielck mit grosser Sorgfalt und möglichst international durchgearbeitet hat, ein Vorwort zu schreiben.

Indem ich diese Bitte erfülle, möchte ich vor allem meiner lebhaften Sympathie für die Esperanto-Sache Ausdruck geben. Die von dem russischen Arzte Dr. Samenhof geschaffene Hilfssprache Esperanto will keineswegs die Muttersprachen verdrängen, sondern sie will die zweite Sprache sein, die im Zeitalter des Weltverkehrs und der Weltverbrüderung einen jeden in den Stand setzen kann, mit andern Ländern, in denen seine Sprache nicht gesprochen wird, mündlich und schriftlich zu verkehren. Die Verwirklichung dieser Idee würde einen unermesslichen Fortschritt der Weltkultur bedeuten. Der Name Esperanto spricht von Hoffnung. Die Hoffnung wird nicht zuschanden werden. Esperanto wird die Welt erobern!

Der Gedanke einer Weltsprache muss in besonderer Weise das Interesse der Menschen wecken, denen der Befehl Jesu am Herzen liegt: Gehet hin in alle Welt und machet alle Völker zu meinen Jüngern, und lehret sie halten alles, was ich euch befohlen habe. Ihnen muss die Übersetzung der Bibel als die bedeutendste Aufgabe der Esperantisten erscheinen. Sodann wird die Esperantobibel die Esperantosache selbst fördern. Gleich wie bei der Erlernung jeder fremden Sprache, so wird auch bei Esperanto die Lektüre der wohlbekannten Geschichten der Bibel ein willkommenes Hilfsmittel für Lehrende und Lernende sein.

Auf meinen Rat ist im allgemeinen die revidierte Lutherbibel zugrunde gelegt worden. Es mag ja in Zukunft eine Übersetzung aus dem Urtext für wissenschaftliche Zwecke erwünscht scheinen. Wenn es sich jetzt um die Übertragung irgend einer Übersetzung handelte, so konnte nur die Luthersche in Betracht kommen. Ihre Bedeutung geht über die Sprachgrenzen hinaus. Luther hat die Bibel nicht übersetzt, wie man etwa einen Goethe ins Englische übersetzt. Er war ein religiöser Genius, er war selbst Prophet, Evangelist, Psalmist, er hat den biblischen Schriftstellern ins Herz gesehen. Kein Volk besitzt eine Bibelübersetzung, die an religiösem Werte der lutherischen gleichkommt. Hierzu kommt, dass sie in christlich religiöser Beziehung fehlerlos ist. Die Fehler ihrer Übersetzung beziehen sich auf Nebensachen. In der Lutherbibel findet sich die gesamte biblische Verkündigung. Keine Wahrheit ist verdunkelt worden, dem Leser wird nichts vorenthalten von dem, was ein Mensch wissen muss, um selig zu werden, und nirgends wird ihm durch einen Übersetzungsfehler ein Irrweg zugemutet. Dazu ist Luthers Bibelübersetzung von einzigartiger Sprachschönheit. Viele Feinheiten mussten bei der Übersetzung in die Kunstsprache verschwinden, aber der Rhythmus der Lutherbibel ist geblieben.

So möge die Übersetzung des Matthäus hinausgehen in die Welt. Sie wird neue Freunde für Esperanto werben und gleichzeitig der frohen Botschaft von Jesus Christus, dem Heilande der Welt, den Weg bereiten helfen. Welche Aussichten weckt eine Esperantobibel für die Heidenmission! Vom Turm zu Babylon ging die Sprachverwirrung aus. Die Bibel sagt, dass einst alle Zungen bekennen sollen, dass Jesus Christus der Herr sei. Das ist das Ziel der Weltentwicklung, und somit das höchste Ziel des „Esperanto“.

März 1906.

Lic. Dr. **Alfred Jeremias,**
Pfarrer an der Lutherkirche
und Dozent an der Universität in Leipzig.

# Antauparolo.

---

Jama lernanto mia, sinjoro Fritz Stephan, petis min skribi antauparolon por la evangelio Sankta Mateo, esperante tradukita de li kun multe da penado kaj diligenteco, kaj de sinjoro W. B. Mielck, malnova esperantisto kaj konanto de lingvoj, kun granda zorgemo kaj kiel eble plej internacie.

Plenumante ĉi tion peton, mi antau ĉio esprimas mian vivan simpation pri la esperanta afero. La helpa lingvo Esperanto, kreita de la rusa kuracisto D^ro^ Zamenhof, neniel volas malhelpi la lingvojn naciajn, sed ĝi celas fariĝi la dua lingvo, en la tempo de la monda interkomunikiĝo kaj monda fratiĝo metante ĉiun en la situacion atingi parole kaj skribe interrilatojn kun ĉiuj landoj, en kiuj lia lingvo ne estas parolata. La efektivigo de ĉi tio ideo estus senmezura progreso de la monda kulturo. La nomo „Esperanto“ parolas pri „espero“. La espero ne trompos. „Esperanto“ almilitados la mondon!

La penso de lingvo universala devas precipe interesi tiujn homojn, kiuj en la koro tenas la ordonon de Jesuo: Ekiru en la tutan mondon kaj faru de ĉiuj popoloj miajn sekvantojn kaj instruu ilin teni ĉion, kion mi ordonis al vi. Al ili la traduko de la biblio devas aperi kiel la plej eminenta problemo de la esperantistoj. Tiam la esperanta biblio mem helpos la aferon de Esperanto. Tiel same kiel por la ellernado de ĉia fremda lingvo, tiel ankau por Esperanto estos la legado de la bonkonitaj historioj de la biblio bonvenanta helpo por instruantoj kaj lernantoj.

Lau mia konsilo la luthera biblio reviziita ĝenerale, estas

prenita kiel fundo por la traduko. Estonte traduko el la originala teksto eble estus dezirinda por sciencaj celoj. Se nun estis demando pri l'esperantigo de ia biblia traduko, tiam oni nur povas konsideri la tradukon de Luther. Ĝia graveco superstaras la lingvajn limojn. Luther ne tradukis la biblion kiel oni eble tradukus verkojn de Goethe en la anglan lingvon. Li estis religia genio, li mem estis profeto, evangelisto, psalmisto, li rigardis en la koron de la bibliaj verkistoj. Nenia nacio posedas biblian tradukon, kiu egalas tiun de Luther, rilate al la religia valoro. Krom tio ĝi estas senerara, koncernante la kristan religian econ. La eraroj en ĝia traduko konsistas en sensignifoj. En la luthera biblio troviĝas la tuta biblia anoncado. Nenia vereco estas malheligita, nenio estas detenita al la leganto pri tio, kion homo devas scii por fariĝi feliĉega kaj nenia erara vojo estas al li trudita per ia malkorektaĵo. Krom tio la luthera biblio estas de aparta lingva beleco. Multaj delikatecoj devis malaperi en la traduko per la arta lingvo, sed la ritmo de la luthera biblio tamen restis.

Eliru do la traduko de la evangelio de Sankta Mateo en la mondon. Ĝi varbos novajn amikojn por Esperanto kaj samtempe helpos prepari la vojon por la ĝoja senditaĵo de Jesuo Kristo, Savinto de la mondo. Kian gravan perspektivon prezentas la biblio en Esperanto por la misio al la idolistoj! De la babilona turo eliris la lingva konfuzo. La biblio eldiras, ke iam ĉiuj langoj estos konfesantoj, ke Jesuo Kristo estas la Sinjoro.

Tio ĉi estas la celo de la monda evolucio kaj tial la plej alta celo de

„Esperanto".

Marto 1906.

Lic. D^ro **Alfred Jeremias,**
pastro de la Luther-preĝejo
kaj docento de la universitato en Leipzig.

(tradukita.)

# La evangelio Sankta Mateo.

Tio-ĉi estas la libro de la naskiĝo de Jesuo Kristo, 1
kiu estas filo de Davido, la filo de Abrahamo. Abra- 2
hamo naskis Isako'n. Isako naskis Jakobo'n. Jakobo
naskis Juda'n kaj liajn fratojn. Juda naskis Fares'on kaj 3
Zara'n de la Tamar; Fares naskis Hezron'on. Hezron
naskis Ram'on. Ram naskis Aminadab'on. Aminadab 4
naskis Nahason'on. Nahason naskis Salma'n. Salma 5
naskis Boas'on, de la Rahab. Boas naskis Obed'on, de
la Rut. Obed naskis Isai'on. Isai naskis la reĝon 6
Davido'n. La reĝo Davido naskis Salomo'n, de la
edzino de Urio. Salomo naskis Roboam'on. Roboam 7
naskis Abia'n. Abia naskis Asa'n. Asa naskis Josa- 8
fat'on. Josafat naskis Joram'on. Joram naskis Osia'n.
Osia naskis Jotam'on. Jotam naskis Ahas'on. Ahas 9
naskis Ezekia'n. Ezekia naskis Manase'n. Manase naskis 10
Amon'on. Amon naskis Josia'n. Josia naskis Jehonja'n 11
kaj liajn fratojn en la tempo de la babilona malli-
bereco. Post la babilona mallibereco Jehonja nas- 12
kis Sealtiel'on. Sealtiela naskis Zorobabel'on. Zoro- 13
babel naskis Abiud'on. Abiud naskis Eliahim'on.
Eliahim naskis Asor'on. Asor naskis Zadok'on. 14
Zadok naskis Ahim'on. Ahim naskis Eliud'on. Eliud
naskis Eleasar'on. Eleasar naskis Matan'on. Matan 15
naskis Jakobo'n. Jakobo naskis Josefo'n, la edzon de 16
la Mario, de kiu estas naskita Jesuo, kiu estas nomata
Kristo. Ĉiuj generacioj de Abrahamo ĝis Davido estas 17
dekkvar membroj. De Davido ĝis la babilona malli-
bereco estas dekkvar membroj. De la babilona malli-
bereco ĝis Kristo estas dekkvar membroj.

21 kiuj celis la vivon de la infano. Kaj li stariĝis, kaj
kunprenis la infaneton kaj lian patrinon kaj venis en
22 la landon Israelo. Sed audante, ke Archelao estas
reĝo en la hebrea lando, anstatau lia patro Herodo,
li timis tien veni. Kaj en sonĝo li ricevis ordonon
de Dio, kaj iradis en la regionojn de la galilea lando.
Kaj venis kaj loĝis en la urbo, kiu estas nomata:
Nacareto, por ke estu plenumita, kio estas dirita per
la profetoj: Li devas esti nomata: Nacarano.

3 Je tiu tempo venis Johano, la baptisto, kaj predi-
2 kadis en la dezerto de la hebrea lando. Kaj parolis:
3 Pentofaru, la ĉiela regno estas alproksimiĝinta. Kaj
li estas tiu, pri kiu la profeto Jesajo diris kaj paro-
lis: Estas voĉo de unu predikanto en la dezerto: Pre-
paru al la Sinjoro la vojon kaj ebenigu liajn vojetojn!
4 Sed li, Johano, havis vestaĵon de kamelharoj, kaj ledan
zonon ĉirkau siaj lumboj; kaj lia manĝaĵo estis akridoj
5 kaj sovaĝa mielo. Kaj al li iris la tuta Jerusalemo
kaj la tuta hebrea lando, kaj ĉiuj landoj apud la
6 Jordano; Kaj lasis bapti sin de li en la Jordano kaj
7 konfesis siajn pekojn. Kiam li vidis multajn fariseojn
kaj saduceojn venante al sia bapto, li parolis al ili:
Vi viperidoj, kiu montris al vi, ke vi evitus la
8 venontan koleron? Atentu, faru honestajn fruktojn
9 de la pento! Vi do ne pensu diri je vi mem: Ni
havas Abrahamon kiel patron! Mi diras al vi: Dio
povas krei al Abrahamo infanojn el ĉi-tiuj ŝtonoj.
10 La hakilo estas jam metita al la arboj je la radiko.
Tial, kia arbo ne portas bonajn fruktojn estos forha-
11 kita kaj ĵetita en la fajron. Mi baptas vin per akvo al
la pento, sed tiu kiu venos post mi estas pli forta ol
mi; al kiu mi ne estas inda porti liajn ŝuojn; tiu ĉi
12 baptos vin per la Sankta Spirito kaj per fajro. Kaj
li havas sian ĵetŝovelilon en sia mano; li balaos sian

drašejon kaj kolektos la tritikon en sian garbejon, sed
li forbruligos la grenventumaĵon per eterna fajro.
Je tiu ĉi tempo Kristo venis el Galileo al la Jor- 13
dano, al Johano, por ke li estu baptota de li. Sed 14
Johano detenis lin kaj parolis: Mi bezonas esti bap-
tita de vi kaj vi venas al mi? Sed Jesuo respondis 15
kaj parolis al li: Allasu ĝin, ĉar decas al ni plenumi
ĉiun justecon. Jen li ĝin allasis. Kaj kiam Jesuo 16
estis baptita, li supreniris el la akvo, kaj jen la ĉieloj
malkovriĝis super li. Kaj Johano vidis la spiriton
de Dio egale al kolombo flugetante malsupren kaj
venante super li. Kaj jen, unu voĉo el la ĉielo 17
parolis: Tiu ĉi estas mia kara filo, pri kiu mi havas
plezuron.

Tiam Jesuo estas kondukita de la Spirito en la 4
dezerton, por ke li estu tentata per la diablo. Kaj 2
fastinte kvardek tagojn kaj kvardek noktojn, li fariĝis
malsata. Kaj la tentanto aliris kaj parolis: Se vi 3
estas la filo de Dio, parolu do, ke ĉi tiuj ŝtonoj fa-
riĝu pano. Kaj li respondis, kaj parolis: Estas skri- 4
bita: La homo ne vivas nur per pano, sed de ĉia
vorto, kiu iris tra la buŝo de Dio. Poste la diablo 5
kondukis lin en la sanktan urbon, kaj metis lin sur
la denton de la templo. Kaj parolis al li: Se vi estas 6
la filo de Dio, lasu vin do fali malsupren, ĉar estas
skribita: Li ordonos al siaj anĝeloj pri ci, kaj ili
portos cin sur la manoj, por ke ci ne puŝu cian
piedon al ŝtono. Jen Jesuo parolis al li: Ree estas 7
skribita: Ci ne tentu Dion, cian Sinjoron. Denove la 8
diablo kondukis lin sur tre altan monton, kaj montris
al li ĉiujn imperiojn de la mondo kaj ilian brilegon.
Kaj parolis al li: Ĉi tion ĉion mi volas doni al vi, 9
se vi faliĝas kaj adoros min. Jen Jesuo parolis al 10
li: Foriĝu de mi Satano, ĉar estas skribita: Ci adoru

11 Dion, cian Sinjoron, kaj servu nur al li. Tiam la
diablo foriĝis de li, kaj jen, la anĝeloj venis al li kaj
servis lin.
12 Sed kiam Jesuo audis, ke Johano estis arestita
13 de Herodo, li iradis en la galilean landon. Kaj fori-
ris el la urbo Nacareto, venis kaj loĝis en Kapernaomo,
kiu kuŝas apud la maro, ĉe la limoj de Zabulono kaj
14 Neftalimo. Por ke plenumiĝu, kio estas dirita per
15 la profeto Jesajo, kiu parolas: La lando Zabulon kaj
la lando Neftalim apud la maro, transe la Jordano
16 kaj la idola Galileo, la popolo, kiu estis en mal-
lumo, vidis grandan lumon, kaj al tiuj, kiuj estis en
17 la loko kaj ombro de la morto, aperis lumo. De tiu
tempo Jesuo komencis prediki kaj diri: Pentofaru,
la ĉiela regno estas alproksimiĝinta.
18 Kiam do Jesuo iris apud la galilea maro, li vidis
du fratojn: Simon, kiu estas nomata Petro, kaj An-
dreon, lian fraton; ili ĵetis siajn retojn en la maron,
19 ĉar ili estis fiŝkaptistoj. Kaj li parolis al ili: Sekvu
20 min, mi volas fari de vi homkaptistojn. Baldau ili for-
21 lasis siajn retojn kaj sekvis lin. Kaj deirante de tie,
li vidis du aliajn fratojn: Jakobon, la filon de Zebe-
deo, kaj Johanon, lian fraton, en ŝipo, kun ilia
patro Zebedeo, flikantaj iliajn retojn, kaj li vokis ilin.
22 Baldau ili forlasis la ŝipon kaj sian patron, kaj
23 sekvis lin. Kaj Jesuo iradis ĉirkaue en la tuta gali-
lea lando, instruis en iliaj lernejoj, kaj predikis la
evangelion pri la regno, kaj resanigis ĉiuspecan epi-
24 demion kaj malsanon en la popolo. Kaj lia famo
disvastiĝis en la tuta Sirio. Kaj ili alportis al li
ĉiuspecajn malsanulojn, okupitajn de diversaj epide-
mioj kaj turmentoj, la frenezajn, la lunatikajn, kaj la
25 artritajn kaj li resanigis ĉiujn. Kaj sekvis lin multo
da popolo el Galileo, el la dek urboj, de Jerusalemo,
el la hebrea lando kaj de transe la Jordano.

Sed kiam li vidis la popolon, li iris sur mon- 5
ton kaj sidiĝis, kaj liaj lernistoj alpaŝis. Kaj li mal- 2
fermis sian buŝon, instruis ilin, kaj parolis: Feliĉegaj 3
estas la spirite malriĉaj, ĉar la ĉiela regno estas por
ili. Feliĉegaj estas, kiuj suferadas, ĉar ili estos kon- 4
solataj. Feliĉegaj estas la kvietanimaj, ĉar ili pose- 5
dos la teran regnon. Feliĉegaj estas, kiuj malsatas 6
kaj soifas pri la justeco; ĉar ili fariĝos sataj. Feli- 7
ĉegaj estas la kompatemaj, ĉar ili atingos kompatemon.
Feliĉegaj estas, kiuj estas je pura koro, ĉar ili vida- 8
dos Dion. Feliĉegaj estas la pacemaj, ĉar ili estos 9
nomataj infanoj de Dio. Feliĉegaj estas, kiuj estas 10
persekutataj pro justeco; ĉar la ĉiela regno estas
por ili. Feliĉegaj estas vi, se la homoj insultas kaj 11
persekutas vin pro mi, kaj diras diversan malbonon
pri vi, se ili mensogas pri tio. Estu gajaj kaj 12
kuraĝaj, vi estos bone rekompencataj en la ĉiela
regno, ĉar tiamaniere ili persekutis la profetojn, kiuj
estis antaŭ vi.

Vi estas la salo de la tero. Sed se la salo mal- 13
boniĝas, per kio oni povas sali? Ĝi tiam taŭgas por
nenio alie ol oni forĵetu ĝin kaj lasu la homojn dis-
piedobati ĝin. Vi estas la lumo de la mondo. La 14
urbo, kiu kuŝas sur monto, ne povas resti kaŝita.
Ankaŭ oni ne ekbruligas lumon, kaj metas ĝin 15
sub buŝelon, sed sur kandelingon, tiam ĝi lumigas
al ĉiuj, kiuj estas en la domo. Tial vi lasu lumigi 16
vian lumon antaŭ la homoj, por ke ili vidu viajn
bonajn farajojn, kaj laŭdu vian patron en la ĉielo.

Vi ne imagu, ke mi venis por neniigi la leĝon aŭ la 17
profetojn. Mi ne venis por neniigi, sed por plenumi. Ĉar 18
vere, mi diras al vi: Ĝis la ĉielo kaj la tero dispasos,
ne ekpasos la plej malgranda litero nek punkto de la
leĝo, ĝis ĉio okazos. Sed kiu nun neniigos ian de 19
tiuj ĉi plej malgrandaj ordonoj, kaj instruos la homojn
tiel, tiu estos nomata la plej malgranda en la ĉiela

regno, sed kiu ĝin faras kaj instruas, tiu estos nomata
granda en la ĉiela regno.
20 Ĉar mi diras al vi: Se via justeco ne estas pli
bona, ol tiu de la skribinstruituloj kaj fariseoj, vi ne
21 venos en la ĉielan regnon. Vi audis, ke estas dirita
al la prapatroj: Ci ne devas mortigi; sed kiu morti-
22 gas, tiu devas esti ŝuldanta al la juĝo. Sed mi diras
al vi: Kiu koleras je sia frato, estas ŝuldigita al la
juĝo, sed kiu diras al sia frato: Sentaugulo, tiu estas
ŝuldanta al la konsiliĝo, sed kiu diras: Vi malpiulo!
23 tiu estas ŝuldanta al la infera fajro. Kiam do vi
alportas vian oferdonon sur la altaron, kaj memoras
24 tie, ke via frato pri io koleras je vi; lasu tie
vian donon antau la altaro, kaj ekiru antaue, kaj re-
paciĝu kun via frato, kaj tiam venu kaj oferu vian
25 donon. Estu baldau cedema al via kontrauulo, dum
vi ankorau estas kun li sur la vojo, por ke la kon-
trauulo ne transdonu vin iam al la juĝisto, kaj la
juĝisto ne transdonu vin al la servisto, kaj vi ne
26 estu ĵetita en la malliberejon. Mi diras al vi: Vere,
vi ne elvenos de tie, ĝis vi pagos ankau la lastan
monereton.
27 Vi audis, ke al la prapatroj estas dirita: Ci ne
28 devas adulti! Sed mi diras al vi: Kiu rigardas viri-
29 non, avidante ŝin, tiu jam adultis en sia koro. Sed
se via dekstra okulo ĉagrenas vin, elŝiru ĝin, kaj for-
ĵetu ĝin. Estas por vi pli bone, ke unu de viaj
membroj pereu, kaj ne la tuta korpo estu ĵetita en
30 la inferon. Kaj se via dekstra mano ĉagrenas vin,
batfaligu ĝin kaj forĵetu ĝin. Estas por vi pli bone,
ke unu de viaj membroj pereu, kaj ne la tuta korpo
31 estu ĵetita en la inferon. Estas ankau dirita: Kiu
disiĝas de sia edzino, tiu devas doni al ŝi leteron de
32 disiĝo. Sed mi diras al vi: Kiu disiĝas de sia edzino
(esceptinte pro adulto), tiu faras, ke ŝi adultas, kaj
kiu edziĝas kun unu disigitulino, tiu adultas.

Vi plue audis, ke estas dirita al la prapatroj: 33
Ci ne devas fari malveran ĵuron, kaj ci devas teni
al Dio cian ĵuron. Sed mi diras al vi, ke vi nepre 34
ne devas ĵuri, nek je la ĉielo, ĉar ĝi estas la seĝo de
Dio. Nek je la tero, ĉar ĝi estas la benketo de liaj 35
piedoj, nek je Jerusalemo, ĉar ĝi estas la urbo de
granda reĝo. Ankau vi ne devas ĵuri je via kapo, 36
ĉar vi ne povas fari unu solan haron blankan, au
nigran. Sed via parolo estu: Jes jes, ne ne; kio 37
estas plie, tio estas de la malbono.

Vi audis, ke estas dirita: Okulo por okulo, dento 38
por dento. Sed mi diras al vi, ke vi ne devas kon- 39
traustari al la malbono; sed se iu donas frapon sur
vian dekstren vangon, al tiu prezentu ankau la alian.
Kaj se iu volas procesi kun vi kaj volas preni vian 40
veston, al tiu fordonu ankau vian mantelon. Kaj se 41
iu devigas vin iri kun li unu mejlon, iru do kun li
du mejlojn. Donu al tiu, kiu petas vin, kaj ne deturnu 42
vin de tiu, kiu volas prunti de vi.

Vi audis, ke estas dirita: „Ci devas ami cian prok- 43
simulon, kaj malami cian malamikon. Sed mi diras 44
al vi: Amu viajn malamikojn, benu, kiuj malbenas vin,
petu por tiuj, kiuj ofendas kaj persekutas vin.
Por ke vi estu infanoj de via patro en la ĉielo. Ĉar 45
li lasas sian sunon leviĝi super malbonuloj kaj bonu-
loj kaj lasas pluvi super justaj kaj maljustaj. Ĉar se 46
vi amas tiujn, kiuj amas vin, kian pagon vi havos?
Ĉu tion ne faras ankau la impostistoj? Kaj se vi 47
nur estas afablaj al viaj fratoj, kion vi faras apartan?
Ĉu la impostistoj ne faras tiel same? Estu do per- 48
fektaj, kiel via patro en la ĉielo estas perfekta.

Atentu je viaj almozoj, ke vi ne donu antau la 6
homoj, por esti vidataj de ili, ĉar alie vi havas nenian
rekompencon ĉe via patro en la ĉieloj. Se vi do 2

donas almozojn, vi ne ĉirkaŭtrompetu ĝin antaŭ vi,
kiel la hipokrituloj faras en la lernejoj kaj en la stra-
tetoj, por ke ili estu laŭdataj de la homoj. Vere, mi
3 diras al vi: Ili ricevis sian pagon. Sed kiam vi donas
almozojn, ne lasu scii vian maldekstran manon, kion
4 faras la dekstra. Por ke via almozo estu sekreta;
kaj via patro, kiu vidas en la sekreton, rekompencos
ĝin al vi publike.
5 Kaj se vi preĝas, vi ne devas esti kiel la hipo-
krituloj, kiuj volonte staras kaj preĝas en la lernejoj,
kaj apud la anguloj de la stratetoj, por ke ili estu
vidataj de la homoj. Vere, mi diras al vi: Ili ricevis
6 sian pagon. Sed se vi preĝas, iru en la ĉambre-
ton, kaj fermu la pordon, kaj preĝu al via patro en
la kaŝito, kaj via patro, kiu vidas en la kaŝiton,
7 rekompencos ĝin al vi publike. Kaj se vi preĝas,
vi ne devas multe babili, kiel la idolistoj, ĉar ili
opinias, ke ĝi estos akceptata, se ili faras multe da
8 paroloj. Tial vi ne devas simili al ili. Via patro
9 scias, kion vi bezonas, antaŭ ol vi petas lin. Tial vi
devas preĝi tiamaniere. Patro nia en la ĉielo. Via
10 nomo estu sanktigata. Via regno venu. Via volo
11 fariĝu sur la tero, kiel en la ĉielo. Nian panon
12 ĉiutagan donu al ni hodiaŭ. Kaj pardonu al ni
niajn kulpojn, kiel ni pardonas al niaj kulpuloj.
13 Kaj ne konduku nin en tenton, sed savu nin de la
malbono. Ĉar via estas la regno, kaj la forto, kaj la
14 gloro en eterneco. Amen. Ĉar se vi pardonos al la
homoj iliajn kulpojn, tiam via ĉiela patro pardonos
15 ankaŭ al vi. Sed se vi ne pardonos al la homoj iliajn
kulpojn, via ĉiela patro ankaŭ ne pardonos al vi viajn
kulpojn.
16 Se vi fastas, vi ne devas fari acidan mienon, kiel
la hipokrituloj; ĉar ili aliecigas iliajn vizaĝojn, por ke
ili estu vidataj de la homoj kun sia fastado. Vere,
17 mi diras al vi: Ili ricevis sian pagon. Sed kiam vi

fastas, sanktoleu vian kapon kaj lavu vian vizaĝon.
Por ke vi ne briletu antau la homoj per via fastado, 18
sed antau via patro, kiu estas kaŝita; kaj via patro,
kiu vidas en ja kaŝiton, rekompencos vin publike.
Vi ne devas kolekti al vi trezorojn sur la tero, 19
kie la larvoj kaj la rustaĵo dismordas ilin, kaj kie la
ŝtelistoj elterigas kaj ŝtelas ilin. Sed kolektu al vi 20
trezorojn en la ĉieloj, kie nek larvoj nek rustaĵo ilin
dismordas, kaj kie la ŝtelistoj nek fosas nek ŝtelas.
Ĉar, kie via trezoro estas, tie estas ankau via koro. 21
La okulo estas la lumo de la korpo. Se via okulo 22
estas pura, via tuta korpo estos luma. Sed se via 23
okulo estas malica, via tuta korpo estos malluma.
Sed se la lumo, kiu estas en vi, estas mallumo, kiel
granda do estos la mallumo mem?
Neniu povas servi du sinjorojn. Au li malamos 24
la unu, kaj amos la alian; au li aniĝos al la unu
kaj malestimos la alian. Vi ne povas servi Dion kaj
la Mamon'on! Tial mi diras al vi: Ne zorgu pri via 25
vivo, kion vi manĝos kaj trinkos, ankau ne pri via
korpo, kion vi vestos. Ĉu la vivo ne estas pli ol la
manĝaĵo? Kaj la korpo pli ol la vestaĵo? Rigardu 26
la birdojn sub la ĉielo: ili ne semas; ili ne rikoltas, ili
ne kolektas en la garbejojn; kaj tamen via ĉiela patro
nutras ilin. Ĉu vi ne estas multe pli valoraj ol ili?
Kiu estas inter vi, kiu povus aldoni unu ulnon al sia 27
longo, kiom li ajn penadus ĝin? Kaj kial vi zorgas 28
pri via vestaĵo? Rigardu la liliojn sur la kampo,
kiel ili kreskas: ili ne laboras, ankau ili ne ŝpinas.
Mi diras al vi, ke eĉ Salomo en sia tuta brilego ne 29
estis vestita kiel ia de ili. Se do Dio tiel vestas la 30
herbon sur la kampo, kiu ja staras hodiau, kaj mor-
gau estos ĵetita en la fornon: ĉu li ne faros ĝin pli
volonte al vi? Ho, vi iomkredemaj! Tial vi ne de- 31
vas zorgi kaj diri: Kion ni manĝos? Kion ni trinkos?
Je kio ni vestos nin? Tian ĉion la idolistoj pena- 32

das. Ĉar via ĉiela patro scias, ke vi bezonas ĉion ĉi
33 tion. Penadu unue la regnon de Dio, kaj lian juste-
34 con, tiam vi ricevos ĉion tian. Tial ne zorgu por la
alia tago, ĉar la morgaua tago zorgos por la sia.
Estas sufiĉe, ke ĉiu tago havas sian propran turmenton.

7 2 Ne juĝu, por ke vi ne estu juĝotaj. Ĉar je kia
juĝo vi juĝas, je tia vi estos juĝataj, kaj je kia mezuro
3 vi mezuras, je tia vi estos mezurataj. Sed kial vi
vidas la spliton en la okulo de via frato, kaj ne ri-
4 markas la trabon en via okulo? Kaj kiel vi povas
diri al via frato: Ekhaltu, mi volas tiri al vi la spliton
el via okulo? Kaj jen: En via okulo estas trabo.
5 Vi hipokritulo, tiru unue la trabon el via okulo; kaj
poste vi povas eltiru la spliton el la okulo de via
6 frato. Vi ne donu la sanktaĵon al la hundoj, kaj ne
forĵetu viajn perlojn al la porkoj, por ke tiuj ĉi ne
dispiedobatu ilin, kaj turnu sin kaj disŝiru vin.
7 Petu, tiam estos donata al vi: serĉu, tiam estos
8 trovantaj vi; frapu, tiam estos malfermata al vi. Ĉar
kiu petas, tiu ricevas; kaj kiu serĉas, tiu trovas; kaj
9 kiu frapas, al tiu estos malfermata. Kiu estas inter
vi homoj, kiu donus al sia filo ŝtonon, se li petas
10 panon de li? Au se li petas fiŝon de li, kiu donus
11 al li serpenton? Ĉar do vi, kiuj ja estas malbonaj,
povas malgrau tio doni al viaj infanoj bonajn donojn;
kiom pli multe via patro en la ĉielo donos ankau
12 bonon al tiuj, kiuj petas lin? Ĉio do, kion vi volas,
ke la homoj faru por vi, tion vi faru ankau por ili:
13 Tio estas la leĝo kaj la profetoj. Eniru tra la mal-
vasta pordo. Ĉar la pordo estas vasta, kaj la vojo
estas larĝa, kiu kondukas en la kondamnon; kaj estas
14 multaj, kiuj iradas sur ĝi. Kaj la pordo estas mal-
vasta, kaj la vojo estas mallarĝa, kiu kondukas en la
vivon; kaj estas malmultaj, kiuj trovas ĝin.

Gardu vin je la malveraj profetoj, kiuj venas al 15
vi en ŝafvestaĵoj, ĉar interne ili estas ŝirantaj lupoj.
Vi ekkonu ilin per iliaj fruktoj. Ĉu oni povas rikolti 16
vinberarojn el dornoj, au figojn el kardoj? Tial ĉia 17
bona arbo portas bonajn fruktojn; sed ĉia putra arbo
portas malbonajn fruktojn. La bona arbo ne povas 18
porti malbonajn fruktojn, kaj la putra arbo ne povas
porti bonajn fruktojn. Ĉia arbo, kiu ne portas bonajn 19
fruktojn, estos dehakita, kaj ĵetita en la fajron. Tial 20
vi ekkonu ilin per iliaj fruktoj.

Ne ĉiuj, kiuj diras al mi: Sinjoro, Sinjoro! venos 21
en la ĉielan regnon, sed tiuj, kiuj faras la volon
de mia patro en la ĉielo. Je tiu tago multaj diros 22
al mi: Sinjoro, Sinjoro, ĉu ni ne profetis en via nomo?
Ĉu ni ne elpelis diablojn en via nomo? Ĉu ni ne
faris multajn faraĵojn en via nomo? Tiam mi diros 23
al ili: Mi neniam rekonis vin, foriĝu ĉiuj de mi, vi
malbonuloj!

Tial kiu audas ĉi-tiun mian paroladon, kaj plenu- 24
mas ĝin, tiun mi komparas al saĝa homo, kiu
konstruis sian domon sur ŝtonegon. Kiam nun pluvego 25
falis kaj akvaro venis, kaj la ventoj blovis kaj puŝis
la domon, ĝi tamen ne falis, ĉar ĝi estis fondita sur
ŝtonego. Kaj kiu audas mian paroladon kaj ne faras 26
ĝin, tiu estas simila al malsaĝa homo, kiu konstruis
sian domon sur la sablon. Kiam nun falis pluvego 27
kaj venis akvaro, kaj blevis la ventoj kaj puŝis la
domon; jen ĝi falis kaj faris grandan falon.

Kaj okazis, kiam Jesuo finis sian paroladon, ke la 28
popolo teruris sin pri lia instruado. Ĉar li predikis 29
potence kaj ne kiel la skribinstruituloj.

Sed kiam li iris malsupren de la monto, sekvis 8
lin multe da popolo. Kaj jen, unu leprulo venis kaj 2
parolis: Sinjoro, se vi volas, vi povas purigi min.

3 Kaj Jesuo etendis sian manon, tuŝis lin, kaj parolis:
Mi volas fari ĝin, estu purigita! Kaj tuj li fariĝis
4 pura de sia lepro. Kaj Jesuo parolis al li: Gardu
vin, diru ĝin al neniu; sed ekiru kaj montru vin al
la pastro kaj oferu la donojn, kiujn Moso ordonis, kiel
ateston pri ili.
5 Sed kiam Jesuo eniris en Kapernaomon, venis unu
6 kapitano al li. Kaj parolis: Sinjoro, mia servisto
kuŝas en la domo kaj estas artrita kaj suferas gran-
7 dan turmenton. Jesuo parolis al li: Mi venos, kaj
8 resanigos lin. Sed la kapitano respondis, kaj parolis:
Sinjoro, mi ne estas inda, ke vi iras sub mian tegmen-
ton, sed parolu nur unu vorton, kaj mia servisto
9 fariĝos sana. Ĉar mi estas homo, kaj regato de la
estraro, kaj havas soldatojn sub mi, kaj kiam mi diras
al iu: Ekiru! li iras, kaj al alia: Ekvenu; li venas, kaj
10 al mia servisto: Faru tion! tiam li faras tion. Jesuo
andante ĉi tion, miris kaj parolis al tiuj kiuj sekvis
lin: Vere, mi diras al vi, mi ne trovis tian kredon en
11 Israelo. Sed mi diras al vi: Multaj venos el la oriento
kaj la vespero kaj sidos kun Abrahamo kaj Isaako
12 kaj Jakobo en la ĉiela regno. Sed la infanoj de la regno
estos elpuŝitaj en la ekstreman mallumon; tie estos
13 kriegado kaj dentoklakado. Kaj Jesuo parolis al la
kapitano: Ekiru, fariĝu al vi, kiel vi kredis. Kaj lia
servisto resaniĝis en la sama horo.
14 Kaj Jesuo venis en la domon de Petro kaj vidis,
15 ke lia bopatrino kuŝadis kaj havis la febron. Kaj li
tuŝis ŝian manon, kaj la febro foriĝis el ŝi. Kaj ŝi
16 stariĝis kaj servis ilin. Kaj vespere ili alportis al li
multajn poseditulojn, kaj li elpelis la spiritojn per
17 paroloj, kaj resanigis ĉiuspecajn malsanulojn. Por ke
estu plenumota, kio estas dirita per la profeto Jesajo,
kiu parolas: Li prenis sur sin nian malfortecon, kaj
portis nian edipemion.
18 Kaj kiam Jesuo vidis multe da popolo ĉirkau si,

li igis veturi transen la maro. Kaj al li ekvenis 19
skribinstruitulo, kiu parolis al li: Majstro, mi volas
sekvi vin, kien vi ekiros. Jesuo diris al li: La vulpoj 20
havas kavojn, kaj la birdoj sub la ĉielo havas nestojn;
sed la filo de la homo ne havas lokon, kien kuŝigi
sian kapon. Kaj unu alia el siaj lernistoj parolis al li: 21
Sinjoro, permesu al mi, ke mi ekiru kaj enterigu an-
taue mian patron. Sed Jesuo parolis al li: Vi sekvu 22
min kaj lasu la mortintojn enterigi iliajn mortintojn.

Kaj li iris en la ŝipon, kaj siaj lernistoj sekvis lin. 23
Kaj jen, en la maro naskiĝis granda ventego, tiel, ke 24
ankau la ŝipeto estis kovrata de ondoj; sed li dormis.
Kaj la lernistoj ekvenis al li, kaj vekis lin, kaj paro- 25
lis: Sinjoro, helpu nin, ni pereas. Kaj li diris al ili: 26
Vi iomkreduloj, kial vi estas tiel timemaj? Kaj le-
viĝis kaj minacis la venton kaj la maron; jen fariĝis
granda trankvileco. Sed la homoj miregis kaj parolis: 27
Kia viro estas, ke la vento kaj maro obeas al li?

Kaj li venis transen la maro en la regionon de la 28
Gergesenoj. Kaj al li kuris renkonte du posedituloj,
kiuj venis el la tomboj de mortintoj kaj estis tre
furiozaj, tiel, ke neniu povis trairi la straton. Kaj 29
jen, ili kriis kaj parolis: Ha, Jesuo, vi filo de Dio,
kian aferon ni havas je vi? Ĉu vi ekvenis por
turmenti nin, antau ol estas tempo? Sed malproksime 30
de ili estis granda brutaro da porkoj sur la paŝtejo.
Kaj la diabloj petis lin kaj parolis: Se vi volas 31
elpeli nin, permesu al ni eniĝi en la brutaron da
porkoj. Kaj li parolis: Ekeniĝu! Kaj ili eniĝis en 32
la brutaron da porkoj. Kaj jen, la tuta brutaro da
porkoj ĵetegis sin kiel ventego en la maron kaj
dronis en la akvo. Kaj la paŝtistoj forkuris, kaj 33
ekiris en la urbon kaj diris ĉi-tion ĉion, kaj kio
okazis je la posedituloj. Kaj jen, la tuta urbo iris 34
renkonte al Jesuo. Kaj vidante lin ili petis lin, ke
li foriĝu de ilia limo.

9 Poste li iris en la ŝipon, reveturis transen kaj
2 venis en sian urbon. Kaj jen, ili alportis al li unu
artritulon, kiu kuŝadis en sia lito. Jesuo, vidante
ilian kredon, parolis al la artritulo: Estu konfidema,
mia filo, viaj pekoj estas pardonitaj al vi. Kaj jen,
3 kelkaj de la skribinstruituloj parolis al si mem: Tiu
4 ĉi blasfemas Dion. Sed Jesuo, vidante iliajn pen-
sojn, parolis: Kial vi pensas tiel malbonon en viaj
5 koroj? Kio estas pli facile, diri: Viaj pekoj estas
6 pardonitaj al vi, au diri: Leviĝu kaj ekiru? Sed por
ke vi sciu, ke la filo de la homo havas la potencon
sur la tero pardoni la pekojn, jen li parolis al la artri-
7 tulo: Stariĝu, levu vian liton kaj iru hejmen! Kaj
8 li stariĝis, kaj iris hejmen. La popolo vidante tion,
miregis kaj laudis Dion, kiu donis tian potencon al
homoj.
9 Kaj kiam Jesuo deiris de tie, li vidis homon,
sidantan je la limimpostejo, kiu estis nomata Mateo
kaj parolis al li: Sekvu min! Kaj li stariĝis kaj
10 sekvis lin. Kaj okazis, kiam li sidis je la tablo en la
domo; jen, venis multaj impostistoj kaj pekuloj kaj
11 sidis al la tablo kun Jesuo kaj liaj lernistoj. Kiam
la fariseoj tion vidis, ili parolis al liaj lernistoj: Kial
via majstro manĝas kun la impostistoj kaj pekuloj?
12 Jesuo audante tion, parolis al ili: La fortuloj ne
13 bezonas kuraciston, sed la malsanuloj. Sed ekiru
kaj lernu, kio estas tio ĉi: Mi havas plezuron pri
kompatemo, kaj ne pri la ofero. Mi venis por voki
la pekulojn al la pento, kaj ne la piulojn.
14 Dume la lernistoj de Johano venis al li kaj paro-
lis: Kial ni kaj la fariseoj fastas tiel multe, kaj viaj
15 lernistoj ne fastas? Jesuo parolis al ili: Kiel la
edziĝogastoj povas esti malĝojaj dum la fianĉo estas
ĉe ili? Sed la tempo venos, kie la fianĉo estos for-
16 prenita, tiam ili fastos. Neniu flikas malnovan vesta-
ĵon per ĉifono da nova drapo; ĉar la ĉifono rede-

ŝiriĝas de la vesto, kaj la deŝiraĵo estos pli malbone.
Oni ankau ne enmetas la moston en malnovajn felsa- 17
kojn; alie la felsakoj disŝiriĝas, kaj la mosto estas
disverŝita kaj la felsakoj perdiĝas. Sed oni enmetas
novan vinon en novajn felsakojn, kaj ili ambau estas
konservataj.

Kiam li parolis pri tia kun ili, jen, unu estro 18
venis, kaj faliĝis antau li, kaj parolis: Sinjoro, mia
filino estas nun mortinta, sed venu kaj metu vian
manon sur ŝi kaj ŝi fariĝos viva. Kaj Jesuo stariĝis 19
kaj sekvis lin kaj siaj lernistoj. Kaj jen, virino, kiu 20
havis la sangofluon jam de dekdu jaroj, ekiris al li
de malantaue, kaj tuŝis la borderon de lia vestaĵo.
Ĉar ŝi diris je ŝi mem: Se mi nur tuŝos lian veston, 21
mi fariĝos sana. Tiam Jesuo turnis sin, kaj vidis ŝin 22
kaj parolis: Estu konsolita, mia filino, via kredo hel-
pis vin. Kaj la virino fariĝis sana de la sama horo.
Kaj kiam li venis en la domon de la estro kaj vidis 23
la fajfistojn kaj la tumulton de la personoj, Li parolis 24
al ili: Foriĝu, ĉar la knabineto ne estas morta, sed
ŝi dormas. Kaj ili priridis lin. Sed kiam la homoj 25
estis elpelitaj, li eniris, kaj ekprenis ŝin je ŝia mano;
kaj la knabineto leviĝis. Kaj la famo pri tio resonis 26
en tiu tuta lando.

Kaj kiam Jesuo iris de tie pluen du blinduloj 27
sekvis lin, kiuj kriis kaj parolis: Ho, vi filo de Davido,
kompatu pri ni! Kaj kiam li venis hejmen, la blin- 28
duloj iris al li. Kaj Jesuo parolis al ili: Ĉu vi kre-
das, ke mi povas fari tian al vi? Kaj ili parolis al
li: Jes, Sinjoro! Jen, li tuŝis iliajn okulojn, kaj 29
parolis: Al vi okazu lau via kredo. Kaj iliaj okuloj 30
estis malfermitaj. Kaj Jesuo minacis ilin kaj parolis:
Atentu, ke neniu eksciu ĝin. Sed ili eliris kaj faris 31
lin faman en tiu tuta lando.

Kiam tiuj ĉi estis foririntaj, jen ili alportis 32
al li homon, kiu estis muta kaj posedita. Kaj kiam 33

la diablo estis elpelita, la mutulo parolis. Kaj la
popolo miregis kaj parolis: Tia neniam ˋestas jam
34 vidita en Israelo. Sed la fariseoj parolis: Li elpelas
la diablojn per la estro de la diabloj.
35 Kaj Jesuo iradis en ĉiujn urbojn kaj foirejojn,
instruis en iliaj lernejoj, kaj predikis la evangelion
de la regno kaj kuracis ĉiuspecajn epidemiojn, kaj
36 ĉiuspecan malsanon de la popolo. Kaj vidante la
popolon, li bedauris ilin; ĉar ili estis soifigitaj kaj
distritaj kiel la ŝafoj, kiuj havas neniun paŝtiston.
37 Jen, li parolis al siaj lernistoj: La rikolto estas granda,
38 sed estas malmulte da laboristoj. Tial petu la sin-
joron de la rikolto, ke li sendu laboristojn por sia
rikolto.

10 Kaj li alvokis siajn dekdu lernistojn kaj donis al
ili potencon pri la malpuraj spiritoj, por ke ili elpelu
tiajn kaj kuracu ĉiuspecan epidemion. kaj ĉiuspecan
2 malsanon. Sed la nomoj de la dekdu apostoloj estas
jenaj: La unua Simon, nomata Petro, kaj Andreo,
lia frato: Jakobo, la filo de Zebedeo, kaj Johano,
3 lia frato. Filipo kaj Bartolomeo, Tomo kaj Mateo,
la impostisto; Jakobo, la filo de Alfeo, Lebeo, kun la
4 alnomo Tadeo. Simon de Kana; kaj Judo Iŝarjoto,
kiu perfidis lin.
5 Tiujn ĉi dekdu elsendis Jesuo kaj ordonis al ili
kaj parolis: Ne iru en la strato de la idolistoj, kaj
6 ne ekiradu en la urbojn de la Samaritanoj. Sed iru
7 al la perditaj ŝafoj de la domo Israelo. Iru do kaj
prediku kaj parolu: La ĉiela regno estas alproksimi-
8 ĝinta. Resanigu la malsanulojn, purigu la leprulojn,
veku la mortintojn, elpelu la diablojn. Senpage vi
9 ricevis ĝin, senpage donu ĝin. Vi ne devas havi
10 oron, nek arĝenton, nek kupron en viaj zonoj. Ankau
nenian poŝon por la vojo, ankau ne du vestojn, neniajn

ŝuojn, ankau nenian bastonon. Ĉar la laboristo estas
inda je sia manĝaĵo. Sed kie vi iras en urbon au 11
foirejon, informu vin, ĉu iu estas tie, kiu estus inda
je ĝi; kaj restu ĉe tiu, ĝis vi deiros de tie. Sed kie 12
vi iras en domon, salutu ĝin. Kaj se tiu domo estas 13
inda je ĝi, via paco venos super ili. Sed se ĝi ne
estas inda, via paco returnos sin al vi. Kaj kie 14
iu ne akceptos vin, nek audos vian paroladon, tie
eliru el tia domo au urbo kaj deskuu la polvon de
viaj piedoj. Vere, mi diras al vi: al la lando de la 15
Sodomanoj kaj de la Gomoranoj estos pli sufereble
en la venonta juĝo ol al tia urbo.
Jen, mi sendas vin simile al ŝafoj mezen inter 16
la lupojn, tial estu saĝaj kiel la serpentoj kaj sen
maliceco, kiel la kolomboj. Sed gardu vin je la ho- 17
moj, ĉar ili transdonos vin al sia juĝistaro, kaj skurĝos
vin en siaj lernejoj. Kaj oni antaukondukos vin al 18
estroj kaj reĝoj pro mi, kiel atesto pri ili kaj pri la
idolistoj. Sed kiam ili transliveros vin, ne zorgu kiel 19
au kion vi devus paroli, ĉar je tiu horo estos do-
nita al vi, kion vi devas paroli. Ĉar ne estas vi, 20
kiuj parolas, sed estas la spirito de via patro, kiu
parolas per vi. Sed unu frato transliveros la alian 21
al la morto, kaj la patro la filon, kaj la infanoj ribe-
los kontrau siaj gepatroj kaj kauzos ilian morton.
Kaj vi estos malamotaj de ĉiu, pro mia nomo. Sed 22
kiu persistas ĝis la fino, tiu estos feliĉega. Se ili 23
persekutas vin en unu urbo, tiam forrapidu en unu
alian. Vere, mi diras al vi: Vi ne finiĝos je la urboj
de Israelo, ĝis la filo de la homo venos. Sed la ler- 24
nisto ne estas super la majstro, nek la servisto super
la sinjoro. Estas sufiĉe por la lernisto, ke li estu 25
kiel sia majstro, kaj la servisto kiel sia sinjoro.
Se ili nomis la patron de la domo: Belzebubo,
kiom pli multe ili nomos tiel same liajn domanojn?
Tial ne timu ilin. Nenio estas kaŝita, kio ne estos 26

malkovrata, kaj nenio estas sekreta, kion oni ne scios?
27 Kion mi diras al vi en la mallumo, pri tio parolu
en la lumo; kaj kion vi audas, dirite en la orelon,
28 tion prediku sur la tegmentoj. Kaj ne timu tiujn,
kiuj mortigas la korpon, sed ne povas mortigi la ani-
mon. Sed timu pli vere tiun, kiu povas pereigi la
29 korpon kaj la animon en la infero. Ĉu oni ne aĉetas
du paserojn po unu monereto? Kaj tamen nenia el
30 ili falas teron, sen la volo de via patro. Sed jen
ankau viaj hareroj sur la kapo estas ĉiuj denombritaj.
31 Tial vi ne timu; vi estas pli bonaj, ol multaj paseroj.
32 Tial, kiu konfesas min antau la homoj, tiun mi volas
33 rekoni antau mia ĉiela patro. Sed kiu malkonfesas
min antau la homoj, tiun mi ankau volas malkonfesi
antau mia ĉiela patro.
34 Vi ne devas imagi, ke mi venis por alporti pacon
sur la tero. Mi ne venis por alporti pacon, sed la
35 glavon. Ĉar mi venis eksciti la homon kontrau lia
patro, kaj la filinon kontrau ŝia patrino, kaj la bofi-
36 linon kontrau ŝia bopatrino. Kaj la malamikoj de la
37 homo estos siaj propraj domanoj. Kiu amas patron
kaj patrinon pli ol min, tiu ne estas inda je mi. Kaj
kiu amas filon kaj filinon pli ol min, tiu ne estas
38 inda je mi. Kaj kiu ne prenas sian krucon sur sin,
39 kaj ne sekvas min, tiu ne estas inda je mi. Kiu tro-
vas sian vivon, tiu perdos ĝin; kaj kiu perdas sian
vivon pro mi, tiu trovos ĝin.
40 Kiu akceptas vin, tiu akceptas min; kaj kiu ak-
41 ceptas min, tiu akceptas tiun, kiu sendis min. Kiu
akceptas profeton en la nomo de profeto, tiu ricevos
la pagon de profeto. Kiu akceptas justulon en la
nomo de justulo, tiu ricevos la pagon de justulo.
42 Kiu trinkigas iun de tiuj ĉi plej malgravuloj per po-
kalo da malvarma akvo en la nomo de lernisto; vere
mi diras al vi: tio ne restos al li senrekompencite.

Kaj okazis, ke Jesuo, doninte tian ordonon al siaj 11
dekdu lernistoj; ekiradis de tie por instrui kaj prediki
en iliaj urboj. Sed Johano, audante en la malliberejo 2
pri la farajoj de Kristo, sendis du de siaj lernistoj.
Kaj igis diri al li: Ĉu vi estas tiu, kiu devas veni, 3
au ĉu ni devas atendi unu alian. Jesuo respondis 4
kaj parolis al ili: Ekiru, kaj diru al Johano, kion vi
vidas kaj audas. La blinduloj vidas, kaj la lamuloj 5
iras, la lepruloj fariĝas puraj, kaj la surduloj audas,
la mortintoj leviĝas, kaj al la malriĉuloj estas predi-
kata la evangelio. Kaj feliĉega estas, kiu ne ĉagreni- 6
ĝas pri mi. Kiam tiuj ĉi foriris, Jesuo komencis 7
paroladi al la popoli pri Johano: Kion vidi vi
eliris en la dezerton! Ĉu vi volis vidi kanon, kiun
la vento movas jen ĉi tien jen tien? Au kion vi eliris 8
vidi? Ĉu vi volis vidi homon en molaj vestoj? Jen,
kiuj estas vestumitaj je molaj vestoj, tiuj estas en
la domoj de la reĝoj. Au kion vi eliris vidi? Ĉu 9
vi volis vidi profeton? Jes, mi diras al vi, tiu ĉi
estas eĉ pli, ol profeto. Ĉar estas tiu ĉi, pri kiu 10
estas skribita: Jen, mi sendas antau ci mian anĝe-
lon, kiu devas pretigi cian vojon antau ci. Vere, 11
mi diras al vi: Inter ĉiuj, kiuj estas naskitaj de
virinoj, ne aperis iu, kiu estas pli granda, ol Johano,
la baptisto; sed la plej malgranda en la ĉiela regno
estas pli granda ol li. Sed de la tagoj de Johano, 12
la baptisto, ĝis nun la ĉiela regno eksentas potencon,
kaj kiuj uzas potencon, altiregas ĝin. Ĉar ĉiuj pro- 13
fetoj kaj la leĝo estas profetintaj ĝis Johano. Kaj 14
(se vi volas akcepti ĝin): li estas Elio, kiu estas
venonta. Kio havas orelojn por audi, tiu auskultu. 15
Sed je kiu mi devas kompari tiun ĉi genton? Estas 16
simila al la infanetoj, kiuj sidas je la foirejo, kaj
vokas al siaj kunuloj. Kaj parolas: Ni fajfis al vi, 17
kaj vi ne volis danci; ni plendadis al vi, kaj vi ne
volis plori. Johano venis, ne manĝis kaj ne trinkis, 18

19 jen, ili diris: Li havas la diablon. La filo de la homo
venis, manĝas kaj trinkas, kaj ili diras: Rigardu, tiu
ĉi homo estas manĝemulo kaj vindrinkulo, la kunulo
de la impostistoj kaj pekuloj! Kaj la saĝeco devas
lasi sin pravigi de siaj infanoj.
20 Tiam li komencis insulti pri la urboj, en kiuj
okazis liaj plej multaj farajoj kaj tamen tiuj ne plibo-
21 niĝis: Ve al ci, Koracino! Ve al ci Betsaido! Se
tiaj farajoj estus okazintaj en Tiro kaj Sido, kiel
estis fariĝintaj ĉe vi; ili estus pentofarintaj jam longe
22 je la sako kaj la cindro. Sed mi diras al vi:
Estos al Tiro kaj Sido pli sufereble en la venonta
23 juĝo, ol al vi. Kaj ci, Kapernaomo, kiu estas levita
ĝis la ĉielo, ci estos puŝita malsupren ĝis la infero. Ĉar,
se en Sodomo estus okazintaj la farajoj kiuj okazis ĉe
24 ci; ĝi starus ankorau ĝis tiu ĉi tago. Mi do diras
al vi: Estos al la lando de la Sodomanoj pli sufereble
en la venonta juĝo, ol al ci.
25 Je tiu ĉi tempo Jesuo respondis kaj parolis: Mi
laudegas vin, patron kaj sinjoron de la ĉielo kaj de
la tero, ke vi kaŝis tian al la saĝuloj kaj al la pru-
26 dentaj, kaj malkaŝis ĝin al la malgravuloj. Jes, patro,
27 ĉar tiel estis agrabla al vi. Ĉiuj objektoj estas trans-
donitaj al mi de mia patro. Kaj neniu konas la filon,
ol la patro; kaj neniu konas la patron ol nur la filo,
28 kaj al kiu la filo volas malkaŝi ĝin. Ekvenu al mi
vi ĉiuj, kiuj estas plenpenaj kaj ŝarĝitaj, mi volas
29 refreŝigi vin. Prenu sur vin mian jugon, kaj lernu de
mi, ĉar mi estas dolĉanima kaj de koro humila, kaj
30 vi trovos trankvilecon por viaj animoj. Ĉar mia jugo
estas dolĉega, kaj mia ŝarĝo estas malpeza.

12 Je tiu tempo Jesuo iris tra unu semkampo je la
sabato; kaj siaj lernistoj estis malsataj, kaj komen-
2 cis deŝiri spikojn kaj manĝadis. La fariseoj ĉi tion

vidante, parolis al li: Jen, viaj lernistoj faras, kio ne
decas fari je la sabato. Sed li parolis al ili: Ĉu vi 3
ne legis, kion Davido faris, kiam li, kaj kiuj estis kun
li, ekmalsatis? Kiel li iris en la domon de Dio kaj 4
manĝis la paradopanojn, kiujn manĝi do ne decis al
li, nek al tiuj, kiuj estis kun li, sed sole al la pastroj?
Au ĉu vi ne legis en la leĝo kiel la pastroj rompas 5
la sabaton en la templo je la sabato, kaj tamen estas sen
kulpo? Sed mi diras al vi: ke tie-ĉi estas tiu, kiu 6
estas eĉ pli granda ol la templo. Sed se vi scius, 7
kio signifas: Mi havas plezuron pri la kompatemo,
kaj ne pri la ofero; vi ne estus kondamnintaj la sen-
kulpulojn. La filo de la homo estas sinjoro ankau pri 8
la sabato.

Kaj li deiris malproksimen kaj venis en ilian ler- 9
nejon. Kaj jen, tie estis homo, havante manon seki- 10
ĝintan. Kaj ili demandis lin kaj parolis: Ĉu eble
estas ĝuste kuraci je la sabato? por ke ili havu aferon
kontrau li. Sed li parolis al ili: Kiu estas inter vi, 11
havante ŝafon, kiu falas en kavon je la sabato, kiu
ne kaptus kaj levus ĝin? Kiom pli bona estas do 12
homo, ol ŝafo? Tial oni certe povas fari bonon je la
sabato. Tiam li parolis al la homo: Etendu vian 13
manon. Kaj li etendis ĝin; kaj ĝi refariĝis sana, egale
al la alia. Jen, la fariseoj eliris, kaj havis konsiliĝon 14
pri li, kiamaniere ili povus pereigi lin.

Sed Jesuo eksciante tion, foriĝis de tie. Kaj 15
multe da popolo sekvis lin, kaj li resanigis ĉiujn. Kaj 16
li minacis ilin, ke ili ne denuncu lin. Por ke estu 17
plenumota, kio estas dirita per la profeto Jesajo, kiu
parolis: Jen, ĉi-tiu estas mia servisto, kiun mi elektis, 18
kaj mia plej amata, pri kiu mia animo havas plezuron.
Mi volas meti mian spiriton sur li, kaj li devas sciigi
la idolistojn pri la juĝo; Li nek disputos nek krios, 19
kaj oni ne audos lian kriadon en la stratetoj; Li ne 20
disrompos la kanon ekpuŝitan, kaj li ne estingos la

mečon bruletantan, ĝis li kondukos la juĝon al la
21 venko. Kaj la idolistoj esperos je lia nomo.
22 Tiam estis alportita al li unu poseditulo, kiu estis
blinda kaj muta, kaj li kuracis lin, tiel, ke la blinda
23 kaj muta ree parolis kaj vidis. Kaj ĉiuj homoj
miregadis kaj parolis: Ĉu tiu ĉi ne estas la filo de
24 Davido? Sed la fariseoj, audante tion, parolis: Li
elpelas la diablojn ne alie, ol per Belzebubo, la estro
25 de la diabloj. Sed Jesuo eksciis iliajn pensojn, kaj
parolis al ili: Ĉia regno, kiu estas disa kun si
26 mem, estos dezertigita. Se do unu satano elpelas la
alian, tiam li estas disa kun si mem; kiel do lia
27 regno povas ekzisti. Sed se mi elpelas la diablojn
per Belzebubo, per kiu ili elpelas viajn infanojn? Tial
28 ili estos viaj juĝistoj. Sed se mi kontraue elpelas la
diablojn per la spirito de Dio, jen, la regno de Dio
29 venis al vi. Au kiel iu povas iri en la domon de
unu fortulo, kaj rabi al li lian doman meblaron;
esceptinte ke li antaue alligus la fortulon, kaj tiam
30 prirabos lian domon? Kiu ne estas kun mi, tiu estas
kontrau mi, kaj kiu ne kolektas kun mi; tiu distras.
31 Tial mi diras al vi: Ĉiu peko kaj blasfemo estos par-
donita al la homoj; sed la blasfemo kontrau la spirito
32 ne estos pardonita al la homoj. Kaj kiu ion paro-
las kontrau la filo de la homo, al tiu estos pardo-
nita; sed kiu parolas kontrau la Sankta Spirito, al
tiu ne estos pardonita, nek en tiu ĉi, nek en la
33 venonta mondo. Metu au bonan arbon, tiam la frukto
estos bona, au metu putran arbon, tiam la frukto
estos putra. Ĉar je la frukto, oni rekonas la arbon.
34 Vi viperidoj, kiel vi povas paroli bonon, dum vi estas
malbonaj? Kies koro estas plena, ties buŝo superfluas.
35 Bona homo alportas bonon el sia bona trezoro en la
koro; kaj malbona homo portas malbonon el sia mal-
36 bona trezoro. Sed mi diras al vi, ke la homoj devas
doni respondecon je la venonta juĝo por ĉia senutila

vorto, kiun ili parolis. Lau viaj paroloj vi estos 37
senkulpigitaj kaj lau viaj paroloj vi estos kondamnitaj.
Tiam kelkaj de la skribinstruituloj kaj fariseoj 38
respondis kaj parolis: Majstro, ni dezirus vidi mirin-
daĵon de vi. Kaj li respondis, kaj parolis al ili: Tiu 39
ĉi malbona kaj adultema gento serĉas mirindaĵon: sed
estos donata al ĝi nenia mirindaĵo ol la mirindaĵo de
la profeto Jonas. Car egale kiel Jonas estis tri ta- 40
gojn kaj tri noktojn en la ventro de la baleno, tiel
ankau la filo de la homo estos tri tagojn kaj tri nok-
tojn meze en la tero. La homoj de Ninive aperos 41
je la venonta juĝo kun tiu ĉi gento, kaj kondamnos
ĝin; ĉar ili pentofaris post la prediko de Jonas. Kaj
jen, tie ĉi estas pli ol Jonas. La reĝino de la sudo 42
aperos en la venonta juĝo kun tiu ĉi gento kaj kon-
damnos ĝin, ĉar ŝi venis de la fino de la tero, por
auskulti la saĝecon de Salomo. Kaj jen, tie ĉi estas
pli ol Salomo. La spirito malpura, eliĝinte el la homo, 43
tramigras sekegajn lokojn, serĉas ripozon kaj ne tro-
vas ĝin. Jen, ĝi parolas: Mi volas returni en mian 44
domon, el kiu mi iris. Kaj kiam li venas, li trovas
ĝin malplena, balaita kaj ornamita. Li do reekiras 45
kaj kunprenas sep aliajn spiritojn, kiuj estas pli
malbone ol li mem, kaj se ili envenas, ili loĝas tie;
kaj fariĝas poste pli malbone je tiu homo, ol estis
antaue. Tiel okazos ankau al tiu ĉi malica gento.
Dum li ankorau paroladis al la popolo, jen, lia 46
patrino kaj liaj fratoj staris ekstere kaj volis paroli al
li. Iu parolis al li: Jen, via patrino kaj viaj fratoj 47
staras ekstere, kaj volas paroli al vi. Sed li respondis 48
kaj parolis al tiu, kiu diris ĝin al li: Kiu estas mia
patrino? Kaj kiuj estas miaj fratoj? Kaj etendis 49
sian manon super siaj lernistoj, kaj parolis: Jen tiuj
ĉi estas mia patrino kaj miaj fratoj. Ĉar kiu plenu- 50
mas la volon de mia patro en la ĉielo, tiu estas mia
frato, fratino kaj patrino.

13 Je la sama tago Jesuo iris el la domo, kaj sidiĝis
2 ĉe la maro! Kaj kunvenis multe da popolo ĉirkau li,
tiel, ke li ekiris en la ŝipon kaj sidis, kaj la tuta
3 popolo staris apud la bordo. Kaj li paroladis al ili
pri diverso per alegorioj, kaj parolis: Jen, semisto
4 eliris por semi. Kaj dum li semis, kelkaj grajnoj
falis je la vojo; jen venis la birdoj kaj formanĝis ilin.
5 Kelkaj falis sur la ŝtonaĵo, kie ili ne havis multe da
tero, kaj burĝonis baldau, ĉar ili ne havis profundan
6 teron. Sed kiam la suno leviĝis, jen ĝi velkis, kaj,
7 ne havante radikon, sekiĝis. Kelkaj falis inter la
8 dornoj, kaj la dornoj kreskadis kaj sufokis ĝin. Kelkaj
falis sur bonan fundon, kaj portis frukton, kelkaj cen-
9 toble, kelkaj sesdekoble, kelka tridekoble. Kiu havas
orelojn por audi, tiu auskultu.
10 Kaj la lernistoj ekiris al li kaj parolis: Kial vi
11 paroladas al ili per alegorioj? Li respondis kaj paro-
lis: Al vi estas donita, ke vi ekscias la sekreton de
12 la ĉiela regno; sed al tiuj ne estas donita. Ĉar, kiu
havas, al tiu estos donata, por ke li havu la plenecon;
sed kiu ne havas, de tiu estos prenita ankau tio,
13 kion li havas. Tial mi paroladas al ili per alegorioj.
Ĉar per vidantaj okuloj ili ne vidas, kaj per auskultan-
14 taj oreloj ili ne audas, ĉar ili ne komprenas ĝin. Kaj
pri ili estas plenumata la profetado de Jesajo, kiu
diras: Kun la oreloj vi audos kaj ne komprenos ĝin,
kaj per vidantaj okuloj vi vidos kaj ne rimarkos.
15 Ĉar la koro de tiu ĉi popolo estas sensentigita, kaj
iliaj oreloj audas malbone, kaj iliaj okuloj dormetas,
por ke ili estonte ne vidu per la okuloj, kaj audu
per la oreloj, kaj komprenu per la koro, kaj konver-
16 tiĝu, por ke mi helpu ilin. Sed viaj okuloj estas
feliĉegaj, ke ili vidas, kaj viaj oreloj, ke ili audas.
17 Vere, mi diras al vi: Multaj profetoj kaj justuloj de-
ziregis vidi, kion vi vidas, kaj ne vidis ĝin; kaj audi,
18 kion vi audas, kaj ne audis ĝin. Vi auskultu do

tiun ĉi alegorion pri la semisto. Se iu audas la pa- 19
rolon pri la regno, kaj ne komprenas, jen, venas la
maliculo kaj elŝiras tion, kio estas semita en lian
koron; kaj estas tiu ĉi, kiu estas semita je la vojo.
Sed kiu estas semita sur la ŝtonaĵo estas tiu, kiu 20
audante la parolon, tuj akceptas ĝin kun ĝoĵo. Sed 21
ĝi ne havas radikon en li, ĉar li estas ŝanĝiĝema;
kiam naskiĝas ĉagrenego kaj persekuto pro la parolo,
li baldau ĉagreniĝas. Sed kiu estas semita inter la 22
dornojn estas tiu, kiu audas la parolon, sed la zorgo
pro tiu ĉi mondo kaj la trompo de la riĉeco sufokas
la parolon, tiel ke ĝi ne portas frukton. Sed kiu estas 23
semita sur bona fundo estas tiu, kiu audas la parolon
kaj komprenas ĝin kaj tiam ankau portas frukton; iu
portas centoble, sed iu sesdekoble, iu tridekoble.
Li submetis al ili alian alegorion kaj parolis: La 24
ĉiela regno estas egale al homo, kiu semis bonan semon
sur sian kampon. Sed kiam la homoj dormis, lia mala- 25
miko venis, kaj semis malbonaĵon inter la tritikon, kaj
foriris. Kiam do la herbo kreskis, kaj portis fruk- 26
ton, troviĝis ankau la malbona herbo. Jen, la servistoj 27
ekiris al la dompatro kaj parolis: Sinjoro, ĉu vi ne
semis bonan semon sur vian kampon? De kie ĝi havas
la malbonaĵon? Li parolis al ili: Tion faris la mal- 28
amiko. Jen, la servistoj parolis: Ĉu vi volas, ke ni
ekiru kaj sarku ĝin? Li parolis: Ne! por ke vi ne 29
samtempe elŝiru la tritikon, sarkante la malherbon.
Lasu ambau kreski kune ĝis la rikolto; kaj je la 30
tempo de la rikolto mi estos dironta al la tranĉuloj:
Antaue kolektu la malherbon, kaj ligu ĝin je faskoj,
ke oni forbruligu ĝin, sed kolektu la tritikon en la
garbejojn.
Alian alegorion li antaumetis al ili kaj parolis: La 31
ĉiela regno estas simile al mustarda grajno, kiun unu
homo prenis kaj semis ĝin sur sian kampon. Tiu estas 32
la plej malgranda inter ĉiuj semoj; sed kiam ĝi al-

kreskas, ĝi estas la plej granda inter la brasiko, kaj
fariĝas arbo, tiel, ke la birdoj de la ĉielo venas kaj
33 loĝas sur ĝiaj branĉoj. Alian alegorion li rakontis al
ili: La ĉiela regno estas simile al acida pasto, kiun
virino prenis kaj almiksis en tri buŝelojn da faruno,
ĝis tio ĉi estis tute traacidigita.
34 Pri tia ĉio Jesuo paroladis per alegorioj al la po-
35 polo, kaj sen alegorioj li ne parolis al ili. Por ke
estu plenumota, kio estas dirita per la profeto, kiu
parolas: Mi volas malfermi mian buŝon je alegorioj,
kaj volas sciigi la sekretojn, de la komenco de la
36 mondo. Tiam Jesuo forlasis la popolon kaj venis
hejmen. Kaj liaj lernistoj ekiris al li kaj parolis:
Klarigu al ni la alegorion de la malbona herbo sur
37 la kampo. Li respondis kaj parolis al ili: La filo de
38 la homo estas tiu, kiu semas bonan semon. La pluga
kampo estas la mondo. La bona semo estas la in-
fanoj de la regno. La malbonherbo estas la infanoj
39 de la maliceco. La malamiko, kiu semas ĝin, estas
la diablo. La rikolto estas la fino de la mondo. La
40 tranĉuloj estas la anĝeloj. Tiel same, kiel oni sarkas
la malherbon, kaj forbruligas per fajro, tiel ankau
41 okazos je la fino de la mondo. La filo de la homo
sendos siajn anĝelojn; kaj ili kolektos el sia regno
42 ĉiujn ĉagrenulojn kaj kiuj faras maljuston. Kaj ĵetos
ilin en la fajrofornon: tie estos kriegado kaj dento-
43 klakado. Tiam la justuloj eklumos kiel la suno, en
la regno de ilia patro. Kiu havas orelojn per audi,
tiu auskultu!
44 Plue la ĉiela regno estas simile al sekreta trezoro
en pluga kampo, kiun trovis homo, kaj kaŝis ĝin kaj
ekiris je ĝojo pri ĝi kaj vendis ĉion, kion li havis
45 kaj aĉetis la kampon. Ree la ĉiela regno estas simile
46 al komercisto, kiu serĉis bonajn perlojn. Kaj trovante
perlon de granda valoro, li ekiris kaj vendis ĉion,
47 kion li havis, kaj aĉetis ĝin. Refoje la ĉiela regno

estas simile al reto, kiu estas ĵetata en la maron kaj
per kio oni kaptas fiŝojn ĉiuspecajn.
Sed kiam ĝi estas plena, ili eltiras ĝin al la bordo, 48
sidiĝas kaj kunkolektas la bonajn en vazon, sed la
putrajn ili forĵetas. Tiel ankau okazos je la fino de 49
la mondo. La anĝeloj eliros kaj disigos la malbonu-
lojn el la justuloj. Kaj ĵetos ilin en la fajrofornon: 50
tie estos kriegado kaj dentoklakado. Kaj Jesuo paro- 51
lis al ili: Ĉu vi tion ĉion komprenis? Ili parolis:
Jes, Sinjoro! Jen, li parolis: Tial, ĉia skribinstruitulo, 52
instruita pri la ĉiela regno, estas simile al dompatro,
kiu al sia trezoro alportas novon kaj malnovon.
Kaj okazis, ke Jesuo, fininte tiujn ĉi alegoriojn, 53
deekiris. Kaj venis en sian patrujon, kaj instruis ilin 54
en la lernejoj, tiel ke ili teruris sin, kaj parolis: De
kie havas tiu ĉi tian saĝecon kaj faraĵojn? Ĉu li ne 55
estas la filo de unu ĉarpentisto? Ĉu lia patrino ne
estas nomata Mario? Kaj liaj fratoj Jakob kaj Joses,
kaj Simon kaj Judas? Kaj liaj fratinoj, ĉu ili ne 56
estas ĉiuj ĉe ni? De kie do venas al li ĉi tio ĉio?
Kaj ili ĉagreniĝis pri li. Sed Jesuo parolis al ili: 57
Profeto nenie valoras pli malmulte ol en sia patrujo
kaj en sia domo. Kaj li ne faris tie multajn signojn 58
pro ilia nekredo.
Je tiu tempo venis la famo de Jesuo antau la 14
kvarprinco Herodo. Kaj li parolis al siaj servistoj: 2
Tiu ĉi estas Johano, la baptisto, li reviviĝis el la
mortintoj, tial li faras tiajn faraĵojn. Ĉar Herodo 3
ekkaptis Johanon, ligis kaj metis lin en la mal-
berejon, pro la Herodio, la edzino de sia frato
Filipo. Ĉar Johano estis al li dirinta: Ne estas 4
ĝusta, ke vi ŝin havas. Kaj li volonte lin estus mor- 5
tiginta, sed li timis la popolon, ĉar ili kredis lin
profeton. Sed kiam Herodo festis la tagon de sia 6
naskiĝo, la filino de la Herodio dancadis antau ili.
Tio tre plaĉis al Herodo. Tial li promesis al ŝi per 7

8 ĵuro: esti al ŝi dononta, kion ŝi postulus. Kaj estinte
antaue instruita de ŝia patrino, ŝi parolis: Donu al
mi tien-ĉi sur pladon la kapon de Johano, la baptisto.
9 Kaj la reĝo fariĝis malĝoja; sed pro la ĵuro, kaj pro
tiuj, kiuj sidis kun li al la tablo, li ordonis ĝin doni
10 al ŝi. Kaj alsendis kaj senkapigis Johanon en la
11 malliberejo. Kaj lia kapo estis alportita sur plado,
kaj donita al la junulino; kaj ŝi portis ĝin al sia
12 patrino. Post tio liaj lernistoj venis kaj prenis la
korpon, enterigis ĝin kaj venis sciigi ĝin al Jesuo.
13 Audante tion, Jesuo foriĝis de tie sur ŝipo dezer-
ton sole. Kaj kiam la popolo audis tion, ĝi sekvis
14 lin el la urboj piede. Kaj Jesuo, elirante kaj vidante
la multon da popolo; kompategis ĝin kaj resanigis
15 iliajn malsanulojn. Sed je la vespero liaj lernistoj
alpaŝis al li, kaj parolis: Tio-ĉi estas dezerto kaj
fariĝos nokto, delasu do la popolon, ke ili iru en
16 la foirejojn kaj aĉetu manĝaĵon por ili. Sed Jesuo
parolis al ili: Ne estas necesa, ke ili ekiras; vi donu
17 al ili manĝaĵon. Ili parolis: Ni havas tie-ĉi nenion,
18 ol kvin panojn kaj du fiŝojn. Kaj li parolis: Alportu
19 ilin al mi. Kaj li ordonis, ke la popolo kuŝiĝu sur
la herbo, kaj prenis la kvin panojn kaj la du fiŝojn,
vidis supren al la ĉielo, dankis, kaj rompis ĝin, kaj
donis la panojn al la lernistoj, kaj la lernistoj donis
20 ĝin al la popolo. Kaj ili manĝis ĉiuj, kaj fariĝis
sataj kaj levis dekdu plenajn korbojn da restintaj
21 pecetoj. Sed tiuj, kiuj estis manĝintaj, estis en la
nombro de kvinmil homoj, sen virinoj kaj infanoj.
22 Kaj tuj poste Jesuo pelis siajn lernistojn, iri
en la ŝipon, kaj veturi transen, ĝis li delasus la
23 popolon. Kaj delasinte la popolon, li supreniris sole
sur monton, por preĝi. Kaj je la vespero li estis
24 tie sole. Kaj la ŝipo estis jam meze sur la maro kaj
en la furiozo de la ondoj; ĉar la vento estis kontraue
25 al ili. Sed en la kvara gardado de nokto Jesuo,

irante sur la maro, venis al ili. Kaj kiam la lernistoj 26
vidis lin sur la maro irante, ili ektimis kaj parolis:
Estas fantomo, kaj ekkriis je timo. Sed tuj Jesuo 27
parolis al ili, kaj diris: Estu kuraĝaj; estas mi; vi
ne timu! Sed Petro respondis al li kaj parolis: Sin- 28
joro, se estas vi, igu min veni al vi sur la akvo.
Kaj li parolis: Ekvenu! Kaj Petro elpaŝis el la ŝipo 29
kaj iris sur la akvo, por veni al Jesuo. Sed vidante 30
fortan venton, li ektimis, kaj komencis malleviĝi,
ekkriis kaj parolis: Sinjoro, helpu min! Sed Jesuo 31
tuj etendis la manon, ekprenis lin, kaj parolis al
li: Ho, ci iomkredulo, kial ci estis dubinta? Kaj ili 32
ekiris en la ŝipon, kaj la vento silentiĝis. Sed kiuj 33
estis en la ŝipo, venis, faliĝis antau li kaj parolis:
Vi estas vere la filo de Dio!
Kaj ili veturis transen, kaj venis en la landon 34
Genezareto. Kaj la homoj en tiu ĉi loko, rimarkinte 35
lin, dissendis en la tutan landon kaj alportis al li
ĉiuspecajn malsanulojn. Kaj petis de li la permeson 36
nur tuŝi la borderon de lia vestaĵo. Kaj ĉiuj, kiuj
tuŝis ĝin, resaniĝis.

Tiam venis al li la skribinstruituloj kaj fariseoj 15
de Jerusalemo kaj parolis: Kial viaj lernistoj transiras 2
la tezojn de la grandaĝuloj? Ili ne lavas siajn manojn,
kiam ili manĝas panon. Li respondis kaj parolis al 3
ili: Kial do vi transiras la ordonon de Dio, pro viaj
tezoj? Dio ordonis: Ci devas honori patron kaj patri- 4
non, sed kiu blasfemas patron kaj patrinon, tiu devas
morti de morto. Sed vi instruas: Kiu parolas al la 5
patro au patrino: Se mi oferas ion, estas pli utila al
vi; tiu agus bone. Per tio okazas, ke estonte neniu 6
honoras sian patron kaj patrinon; kaj tiel vi neniigis
la ordonon de Dio, pro viaj tezoj. Vi hipokrituloj, 7
pri vi Jesajo bonege profetis, parolinte: Tiu ĉi popolo 8

proksimiĝas al mi per sia buŝo, kaj honoras min per
9 siaj lipoj, sed ĝia koro estas malproksime de mi.
Sed vane ili servas al mi, ĉar ili instruas tiajn in-
struadojn, kiuj estas nenio alie ol homaj ordonoj.
10 Kaj li alvokis la popolon kaj parolis al ili: Aus-
11 kultu, kaj komprenu ĝin! Kio eniras per la buŝo,
tio ne malpurigas la homon; sed kio eliras el la buŝo,
12 tio malpurigas la homon. Poste liaj lernistoj ekiris
al li, kaj parolis: Ĉu vi scias, ke la fariseoj koleriĝis,
13 kiam ili audis la parolon? Sed li respondis kaj paro-
lis: Ĉiuj kreskaĵoj, kiujn mia ĉiela patro ne plantis,
14 estos elradikigitaj. Lasu ilin, ili estas blindaj kondu-
kantoj de blinduloj; sed se unu blindulo kondukas
15 la alian, ili falas ambau en la kavon. Tiam Petro
respondis al li, kaj parolis: Klarigu al ni tiun ĉi ale-
16 gorion. Kaj Jesuo parolis al ili: Ĉu vi do ankau estas
17 ankorau nekomprenemaj? Ĉu vi ne rimarkas an-
korau, ke ĉio, kio eniras per la buŝo, iras en la ven-
18 tron, kaj estas elĵetata tra la natura vojo? Sed kio
eliras per la buŝo, tio venas el la koro, kaj tio mal-
19 purigas la homon. Ĉar el la koro venas malicaj
pensoj, mortigo, adulto, diboĉo, ŝtelado, malveraj
20 atestoj, blasfemo. Jen, estas la ecoj, kiuj faras mal-
puran la homon. Sed manĝi per nelavitaj manoj ne
malpurigas la homon.
21 Kaj Jesuo eliris de tie, kaj foriĝis en la regionon
22 de Tiro kaj Sido. Kaj jen, unu kananea virino
iris el la sama limo, kaj postkriante al li, parolis:
Ho, Sinjoro, vi filo de Davido, kompatu je mi; mia
23 filino estas tre turmentata per la diablo. Kaj li
respondis al ŝi nenian parolon. Jen alpaŝis al li liaj
lernistoj, petis lin, kaj parolis: Lasu ŝin do for de vi,
24 ĉar ŝi postkriadas nin. Sed li respondis kaj parolis:
Mi estas sendita nur al la perditaj ŝafoj de la domo
25 Israelo. Sed ŝi venis, kaj faliĝis antau li kaj
26 parolis: Sinjoro, helpu min! Sed li respondis kaj

parolis: Ne decas preni al la infanoj ilian panon, por
jeti ĝin antau la hundojn. Ŝi parolis: Jes, Sinjoro, sed 27
tamen la hundidoj manĝas la panpecetojn, kiuj falas
de la tablo de siaj sinjoroj. Jen, Jesuo respondis kaj 28
parolis al ŝi: Ho, virino, via kredo estas granda!
Okazu al vi, kiel vi volas! Kaj ŝia filino resaniĝis
je la sama horo.

Kaj Jesuo deiris pluen de tie, kaj venis al la 29
galilea maro, kaj iris sur unu monton, kaj sidiĝis tie.
Kaj al li venis multe da popolo, kunhavante lamu- 30
lojn, blindulojn, mutulojn, kriplulojn, kaj multajn aliajn,
kaj kuŝigis ilin antau la piedoj de Jesuo, kaj li resa-
nigis ilin. Tiel ke la popolo miregis, vidante, ke la 31
mutuloj parolis, la kripluloj resaniĝis, la lamuloj iris,
la blinduloj vidis; laudante la dion de Israelo.

Kaj Jesuo alvokis siajn lernistojn kaj parolis: Mi 32
kompategas je la popolo, ĉar ili persistis ĉe mi jam
tri tagojn, kaj havas nenion por manĝi; kaj mi ne
volas delasi ilin sen estante manĝintajn, por ke ili ne
malsatiĝu sur la vojo. Jen, liaj lernistoj parolis al 33
li: De kie ni povus preni tiel multe da pano en la
dezerto por satigi tiel multe da popolo? Kaj Jesuo 34
parolis al ili: Kiom da pano vi havas? Ili parolis: Sep
kaj iom da fiŝeto. Kaj li igis la popolon kuŝadi sur la 35
tero. Kaj prenis la sep panojn, kaj la fiŝojn, dankis, 36
rompis ilin, kaj donis ilin al siaj lernistoj; kaj la lernistoj
donis ilin al la popolo. Kaj ili ĉiuj manĝis kaj fariĝis 37
sataj, kaj levis sep plenajn korbojn da restintaj pecetoj.
Sed kiuj estis manĝintaj, de tiuj estis kvarmil homoj, 38
esceptinte virinoj kaj infanoj. Kaj eksiginte la popo- 39
lon, li iris en ŝipon, kaj venis al la limo de Magdala.

Jen, venis al li la fariseoj kaj saduceoj, tentante 16
lin, kaj postulante, ke li lasu ilin vidi signon el la
ĉielo. Sed li respondis kaj parolis: Vespere vi paro- 2
las: Fariĝos bela tago, ĉar la ĉielo estas ruĝa. Kaj 3
matene vi parolas: Estos hodiau fulmotondro, ĉar la

ĉielo estas ruĝa kaj malklara. Vi hipokrituloj, pri la
formado de la ĉielo vi scias juĝi; ĉu vi do ne povas
4 ankau juĝi pri la signoj de tiu ĉi tempo? Tiu ĉi
malbona kaj adulta gento serĉas signon; sed ne estos
donota al ĝi alia signo, ol la signo de la profeto
5 Jonas. Kaj li lasis ilin kaj deiris. Kaj kiam liaj
lernistoj estis transveturintaj, ili forgesis kunpreni
6 panon. Sed Jesuo parolis al ili: Atentu, kaj gardu
7 vin je la acidpastaĵo de la fariseoj kaj saduceoj. Jen,
ili pensis ĉe si mem kaj parolis: Estas tio, ke ni ne
8 kunprenis panon. Jesuo, rimarkante tion, parolis al
ili: Vi iomkreduloj, kial vi okupadas vin pri tio, ke
9 vi ne kunprenis panon? Ĉu vi ankorau nenion
rimarkas? Ĉu vi ne memoras la kvin panojn por la
10 kvinmil homoj kaj kiom da korboj vi tie levis? Ankau
ne je la sep panoj por kvarmil homoj, kaj kiom da
11 korboj vi tie levis? Kiel, ĉu vi do ne komprenas, ke
mi ne parolas pri la pano, se mi diras: Gardu vin je
12 la acidpastaĵo de la fariseoj kaj saduceoj? Jen. ili
komprenis, ke li ne diris, ke ili devus gardi sin je la
acida pasto de la pano, sed je la instruo de la fariseoj
kaj saduceoj.
13 Tiam Jesuo venis en la regionon de la urbo
Cesarea Filipi, kaj demandis siajn lernistojn, kaj
parolis; Kia, diras la homoj, estas la filo de la
14 homo? Ili parolis: Kelkaj diras, ke vi estas Johano,
la baptisto; aliaj, ke vi estas Elio; kelkaj, ke vi
15 estas Jeremio, au iu de la profetoj. Li parolis al
16 ili: Kiu, diras do vi, ke mi estas? Tiam Simon Petro
respondis kaj parolis: Vi estas Kristo, la filo de la
17 viva Dio. Kaj Jesuo respondis kaj parolis al li:
Feliĉega estas ci, Simon, filo de Jonas; ĉar karno
kaj sango ne malkaŝis tion ĉi al ci, sed mia patro en
la ĉielo.
18 Kaj mi ankau diras al ci: Ci estas Petro, kaj sur
tiun ĉi ŝtonegon mi volas konstrui mian komunumon,

kaj la pordoj de la infero ne povos superi ĝin. Kaj 19
mi estas dononta al ci la ŝlosilojn de la ĉielregno. Ĉio,
kion ci ligos sur la tero, estu ankau ligita en la ĉielo;
kaj ĉio, kion ci malligos sur la tero, estu ankau malli-
gita en la ĉielo. Tiam li malpermesis al siaj lernistoj, 20
diri, al neniu, ke li estas Jesuo, la Kristo.
De tiu tempo, Jesuo komencis montri al siaj 21
lernistoj, kiel li devus iri Jerusalemon, kaj multe
suferi per la grandaĝuloj, kaj ĉefpastroj, kaj skribin-
struituloj, kaj esti mortigota kaj reviviĝi je la tria
tago. Kaj Petro prenis lin flanken kaj parolis: Sinjoro, 22
indulgu vin mem, tio nepre ne okazu al vi. Sed li 23
turnis sin, kaj parolis al Petro: Foriĝu de mi, satano,
ci estas sentofenda al mi; ĉar ci ne opinias, kio estas
dia, sed kio estas homa. Tiam Jesuo parolis al siaj 24
lernistoj: Se iu volas sekvi min, tiu rezignu al si
mem kaj surprenu sian krucon, kaj sekvu min. Ĉar, 25
kiu volas konservi sian vivon, tiu perdos ĝin, sed kiu
perdos sian vivon pro mi, tiu trovos ĝin. Kio helpus 26
al la homo, se li gajnus la tutan mondon, kaj tamen
havus domaĝon je sia animo? Au, kion la homo
povas doni, por ke li reliberigu sian animon: Ĉar 27
iam okazos, ke la filo de la homo venos en la gloro
de sia patro, kun liaj anĝeloj; kaj tiam li repagos al
ĉiu lau liaj faroj. Vere, mi diras al vi: Tie ĉi staras 28
kelkaj, kiuj ne gustumos la morton, ĝis ili vidos la
filon de la homo venante en lia regno.

Kaj post ses tagoj Jesuo kunprenis Petron, kaj 17
Jakobon, kaj Johanon, lian fraton, kaj kondukis ilin
flanke sur altan monton. Kaj transfiguriĝis antau 2
ili, kaj lia vizaĝo brilis kiel la suno, kaj lia vestaĵo
fariĝis blanka, kiel lumo. Kaj jen, aperis al ili Moso 3
kaj Elio interparolantaj kun li. Sed Petro respondis 4
kaj parolis al Jesuo: Sinjoro, tie ĉi estas bone esti;

se vi volas, ni faros tie ĉi tri kabanojn, al vi unu,
5 al Moso unu, kaj al Elio unu. Dum li ankorau tiel
parolis, jen, luma nubo superombris ilin. Kaj jen,
unu voĉo, el la nubo, parolis: Tiu ĉi estas mia kara
filo, pri kiu mi havas plezuron, tiun ĉi vi devas aus-
6 kulti. Audante tion, la lernistoj falis vizaĝon, kaj tre
7 ektimis. Sed Jesuo ekiris al ili, tuŝis ilin, kaj parolis:
Stariĝu, kaj ne timu!
8 Sed malfermante la okulojn, ili vidis neniun, ol
9 Jesuon sole. Kaj kiam ili iris malsupren de la monto,
Jesuo ordonis al ili, kaj parolis: Vi al neniu diru
tiun ĉi vidaĵon, ĝis la filo de la homo estos revivi-
10 ĝinta el la mortintoj. Kaj liaj lernistoj demandis lin,
kaj parolis: Kial do diras la skribinstruituloj, ke Elio
11 devas antaue veni? Jesuo respondis kaj parolis al ili:
12 Elio devas ja veni antaue, kaj ordigi ĉion. Sed mi
diras al vi: Elio estas jam veninta, kaj ili ne rekonis
lin, sed faris al li, kion ili volis. Tiel aukau la
13 filo de la homo devos suferadi per ili. Jen, la lernis-
toj komprenis, ke li parolis al ili pri Johano, la
baptisto.
14 Kaj kiam ili venis al la popolo, ekpaŝis al li homo,
15 kaj faliĝis je liaj piedoj. Kaj parolis: Sinjoro, kompatu
pri mia filo, ĉar li estas lunatika, kaj forte suferadas,
16 li falas jen en fajron, kaj jen en akvon. Kaj mi
alportis lin al viaj lernistoj, kaj ili ne povis helpi lin.
17 Sed Jesuo respondis, kaj parolis: Ho, nekredanta kaj
malĝusta gento, kiel longe mi devas esti ĉe vi? Kiel
longe mi devas toleri vin? Alportu lin al mi tien ĉi.
18 Kaj Jesuo minacis lin, kaj la diablo foriĝis el li, kaj
19 la knabo resaniĝis je la sama horo. Tiam liaj lernistoj
ekiris aparte al li, kaj parolis al li: Kial ni ne povis
20 elpeli lin? Sed Jesuo respondis kaj parolis al ili:
Pro via nekredo. Ĉar mi diras al vi: Vere, se vi
havas tiom da kredo kiom unu mustarda grajno, vi
povas diri al tiu ĉi monto: Translokiĝu de ĉi-tie tien,

kaj ĝi translokiĝos, kaj al vi nenio estos neebla. Sed 21
tiu ĉi speco ne eliĝas alie ol per preĝado kaj fastado.
Kiam ili migradis en Galileo, Jesuo parolis al 22
ili: La tempo proksimiĝas, ke la filo de la homo
estos transdonita al la manoj de la homoj. Kaj ili 23
mortigos lin, kaj je la tria tago li riviviĝos. Kaj ili
fariĝis tre malĝojaj. Kiam ili venis Kapernaomon, 24
iris al Petro tiuj, kiuj enspezis la impostan moneron
kaj parolis: Ĉu via sinjoro ne havas la kutimon doni
la impostan moneron? Li parolis: Jes! Kaj kiam li 25
venis hejmen, Jesuo antaŭiĝis al li, kaj parolis: Kiel
ŝajnas al ci, Simo? De kiu la reĝoj sur la tero
prenas la imposton aŭ procenton? De iliaj infanoj
aŭ de fremduloj? Jen, Petro parolis al li: De la 26
fremduloj. Jesuo parolis al li: Sekve la infanoj estas
liberaj. Sed por ke ni ne kolerigu ilin, ekiru al la 27
maro, kaj ĵetu la hokon, kaj la unuan fiŝon, kiu
elvenas, tiun prenu, kaj kiam ci malfermas ĝian buŝon,
ci trovos unu Stater, tiun prenu kaj donu ĝin por mi
kaj ci.
Je la sama horo la lernistoj iris al Jesuo kaj pa- 18
rolis: Kiu estas do la plej granda en la ĉiela regno?
Jesuo alkovis infanon kaj metis ĝin mezen de ili. 2
Kaj parolis: Vere, mi diras al vi, esceptinte ke vi 3
returnos vin kaj fariĝos kiel la infanoj, vi ne venos
en la ĉielan regnon. Kiu nun malaltigas sin mem, 4
kiel tiu ĉi infano, tiu estas la plej granda en la ĉiela
regno. Kaj kiu akceptas tian infanon en mia nomo, 5
tiu akceptas min. Sed kiu ĉagrenas iun de tiuj ĉi 6
malgranduloj, kredantaj je mi, al tiu estus pli bone,
ke muelŝtono estus pendigita al lia kolo, kaj ke li
estus dronigita en la maro, kie ĝi estas plej profunde.
Ve al la mondo pro la sentofendo! Devas ja veni 7
sentofendo, tamen ve al la homo, per kiu venas skan-
dalo! Sed se via mano aŭ via piedo ĉagrenas vin, 8
forbatu ĝin, kaj forĵetu ĝin. Estas por vi pli bone,

ke vi eniru lame au kiel kriplulo en la vivon, ol ke
vi havus du manojn au du piedojn kaj estus ĵetita
9 en la eternan fajron. Kaj se via okulo ĉagrenas vin,
elŝiru ĝin, kaj forĵetu ĝin de vi. Estas pli bone por
vi, ke vi eniru unuokule en la vivon, ol ke vi havus
du okulojn, kaj estus ĵetita en la eternan fajron.
10 Atentu, ke vi malestimas neniun de tiuj ĉi mal-
granduloj. Ĉar mi diras al vi: Iliaj anĝeloj en la
ĉielo vidas ĉiutempe la vizaĝon de mia patro en la
11 ĉielo. Ĉar la filo de la homo venis por fari feliĉega,
12 kio estas perdita. Kiel ŝajnas al vi? Se iu homo
havus cent ŝafojn, kaj iu de tiuj ĉi devojiĝus, ĉu li
ne lasos la naudeknau sur la monto, ekiros kaj serĉos
13 la devojiĝintan? Kaj se okazus, ke li trovas ĝin;
vere, mi diras al vi: li ĝojas pri tio pli ol pri la
14 naudeknau, kiuj ne devojiĝis. Tiel ankau ne estas la
volo de via patro en la ĉielo, ke iu de tiuj ĉi mal-
15 granduloj perdiĝu. Sed se via frato pekas kontrau
vi, ekiru kaj respondigu lin inter vi kaj li sole. Se
16 li auskultas vin, vi gajnis vian fraton. Se li ne aus-
kultas vin, kunprenu ankorau unu au du, por ke la
tuta afero apogu sin sur la eldiro de du au tri ates-
17 tantoj. Se li ne auskultas ilin, diru ĝin al la ko-
munumo. Se li ne auskultas la komunumon, tenu lin
18 kiel idoliston kaj impostiston. Vere, mi diras al vi:
Kion vi ligos sur la tero, estos ligota ankau en
la ĉielo, kaj kion vi malligos sur la tero, estos ankau
19 malligota en la ĉielo. Pluen mi diras al vi: Kie
du de vi interkonsentos sur la tero pri tio, kion ili
volas peti, tio fariĝos al ili de mia patro en la ĉielo.
20 Ĉar kie du au tri estas kunvenantaj en mia nomo,
21 tie mi estas meze de ili. Jen, Petro alpaŝis al li
kaj parolis: Sinjoro, kiel ofte mi devas do pardoni al
mia frato, kiu pekas kontrau mi? Ĉu estas sufiĉe
22 sepfoje? Jesuo parolis al li: Mi diras al ci: Ne
sepfoje, sed sepdekfoje sepfoje.

Tial la ĉiela regno estas egala al reĝo, kiu volis 23
likvidi kun siaj servistoj. Kaj kiam li komencis kal- 24
kuli, aperis antaŭ li unu, kiu ŝuldis al li dekmil
funtojn. Sed, ĉar li ne povis pagi, la sinjoro ordonis 25
vendi lin kaj lian edzinon, kaj liajn infanojn, kaj ĉion,
kion li havis, kaj pagi. Jen, la servisto faliĝis, adoris 26
lin kaj parolis: Sinjoro, havu paciencon pri mi, mi
volas ĉion pagi al vi. Tiam la sinjoro kompatis je 27
la servisto, kaj liberigis kaj kvitigis lin ankaŭ de la
ŝuldo. Jen, la sama servisto eliris kaj trovis unu de 28
siaj kunservistoj, kiu ŝuldis al li cent denarojn; kaj li
atakis kaj sufoketis lin, kaj parolis: Pagu, kion vi
ŝuldas al mi! Jen, lia kunservisto faliĝis, petis 29
lin kaj parolis: Havu paciencon pri mi, mi volas ĉion
pagi al vi. Li tamen ne volis, sed ekiris kaj ĵetis 30
lin en la malliberejon, ĝis li pagus kion li ŝuldis.
Sed liaj kunservistoj, vidante tion, fariĝis malĝojaj, 31
venis kaj rakontis al ilia sinjoro ĉion, kio okazis. Jen 32
la sinjoro igis lin veni kaj parolis al li: Vi fripona
servisto, mi kvitigis vin de tiu tuta ŝuldo, pro tio ke
vi petis min. Ĉu vi ne ankaŭ devus kompati je via 33
kunservisto, kiel mi kompatis je vi? Kaj lia sinjoro 34
ekkoleris kaj transdonis lin al la turmenteguloj, ĝis
li pagus ĉion, kion li ŝuldis al li. Tiel mia ĉiela patro 35
ankaŭ faros al vi, se vi ne pardonos de via tuta koro,
ĉiu al sia frato liajn erarojn.

Kaj okazis, ke Jesuo, fininte tiun ĉi paroladon, 19
deiris el Galileo, kaj venis al la limoj de la hebrea
lando, transe la Jordano. Kaj multe da popolo sekvis 2
lin, kaj li resanigis ilin tie. Tiam la fariseoj alpaŝis, 3
tentis lin, kaj parolis al li: Ĉu estas ankaŭ ĝusta, ke
viro disigas sin de sia edzino pro ia kaŭzo? Sed li 4
respondis, kaj parolis al ili: Ĉu vi ne legis, ke tiu,
kiu faris la homon en la komenco, tiu faris, ke viro

5 kaj edzino devis esti. Kaj parolis: Tial homo foriĝos
de patro kaj patrino kaj aniĝos je sia edzino, kaj la
6 du estos unu karno. Tiel ili do ne estas du, sed unu
karno. Kion do Dio kunigis, tion la homo ne devas
7 disigi. Jen, ili parolis: Kial do Moso ordonis doni
8 leteron de disigo, kaj disigi sin de ŝi? Li parolis al
ili: Moso permesis al vi disiĝi de viaj edzinoj pro la
obstineco de via koro; sed de komenco ne estis tiel.
9 Sed mi diras al vi: Kiu disigas sin de sia edzino,
(esceptinte pro prostitado) kaj edziĝas kun unu alia,
tiu adultas. Kaj kiu edziĝas kun la disigitino, tiu
10 ankau adultas. Jen la lernistoj parolis al li: Se la
afero de viro kun sia edzino estas tiel, tiam ne estas
11 bone edziĝi. Sed li parolis al ili: Tiun parolon ne
12 komprenas ĉiu, sed tiuj, al kiuj estas donita. Ĉar
kelkaj estas kastritaj, kiuj naskiĝis tiel el la patrina
korpo; kaj kelkaj estas kastritaj, kiuj per homoj estas
kastritaj; kaj kelkaj estas kastritaj, kiuj kastris sin
mem pro la ĉiela regno. Kiu povas kompreni ĝin, tiu
komprenu ĝin.
13 Tiam infanetoj estis alportitaj al li, por ke li
metu la manojn sur ili kaj preĝu; sed la lernistoj
14 kontraustaris ilin. Sed Jesuo parolis: Lasu la infa-
netojn, kaj ne malhelpu ilin, veni al mi; ĉar je tiaj
15 estas la ĉiela regno. Kaj li metis la manojn sur ili,
kaj deiris.
16 Kaj jen, unu alpaŝis kaj parolis: Bona majstro,
kian bonon mi devas fari, ke mi atingu la eternan
17 vivon. Sed li parolis al li: Kial vi nomas min bonan?
Neniu estas bona, ol la unueca Dio. Sed se vi volas
18 eniri en la vivon, plenumu la ordonojn. Jen, li parolis
al li: Kiujn? Sed Jesuo parolis: Ci ne devas mor-
tigi! Ci ne devas adulti! Ci ne devas ŝteli! Ci ne
19 devas doni malveran ateston! Honoru patron kaj
patrinon' Kaj ci devas ami cian proksimulon kiel
20 cin mem. Jen, la junulo parolis al li: Tion ĉion mi

faris de mia juneco: kio mankas ankorau al mi?
Jesuo parolis al li: Se vi volas esti perfekta, ekiru, 21
vendu kion vi havas, kaj donu ĝin al la malriĉuloj,
tiam vi havos trezoron en la ĉielo, kaj venu, kaj
sekvu min. Audante ĉi tiun parolon, la junulo 22
deiris malĝojigita; ĉar li havis multe da bienoj. Sed 23
Jesuo parolis al siaj lernistoj: Vere, mi diras al vi,
riĉulo malfacile venos en la ĉielan regnon. Kaj pluen 24
mi diras al vi: Estas pli facile, ke kamelo irus tra
kudrilotruo, ol riĉulo venus en la regnon de Dio.
Andante tion, siaj lernistoj tre teruris sin, kaj paro- 25
lis: Kiu do povas fariĝi feliĉega? Sed Jesuo rigardis 26
ilin, kaj parolis al ili: Ĉe la homoj ne estas ebla,
sed ĉe Dio ĉiuj aferoj estas eblaj.

Tiam Petro respondis kaj parolis al li: Jen, ni 27
forlasis ĉion, kaj sekvis vin; kion ni gajnos je tio?
Sed Jesuo parolis al ili: Vere, mi diras al vi, ke en 28
la renaskiĝo, kiam la filo de la homo sidos sur la
seĝo de sia gloro, ankau vi, kiuj sekvis min, sidos
sur dekdu seĝoj, kaj juĝos la dekdu gentojn de Israelo.
Kaj kiu forlasas domojn, au fratojn, au fratinojn, au 29
patron, au patrinon, au edzinon, au infanojn, au kam-
pojn, pro mia nomo, tiu rericevos ĝin centoble, kaj
heredos la eternan vivon. Sed multaj, kiuj estas la 30
unuaj, estos la lastaj, kaj la lastaj estos la unuaj.

La ĉiela regno estas egala al domopatro, kiu eliris 20
je la mateno dungi laboristojn por sia vinmonto. Kaj 2
interkonsentinte kun la laboristoj po unu denaro, kiel
tagpago, li sendis ilin al sia vinmonto. Kaj eliris je 3
la tria horo, kaj vidis aliajn starante senokupe sur
la foirejo. Kaj parolis al ili: Vi ekiru ankau al mia 4
vinmonto, mi volas doni al vi, kio estas ĝusta. Kaj 5
ili ekiris. Denove li eliris je la sesa kaj naua horo
kaj faris tiel same. Je la dekunua horo li reeliris, 6

kaj trovis aliajn starante senokupe, kaj parolis al ili:
7 Kial vi staras tie ĉi senokupe la tutan tagon? Ili
parolis al li: Neniu dungis nin. Li parolis al ili:
Vi ankau ekiru al la vinmonto, kaj vi ricevos tion,
8 kio estos rekta. Kiam nun fariĝis vespero, la sinjoro
de la vinmonto parolis al sia ekonomisto: Voku la
laboristojn kaj donu al ili ilian pagon; kaj komencu
9 je la lastaj ĝis la unuaj. Jen venis, kiuj estis dun-
gitaj je la dekunua horo, kaj ĉiu ricevis sian dena-
10 ron. Sed kiam la unuaj venis, ili opiniis, ricevi pli
11 multe, kaj ĉiu el ili ricevis ankau sian denaron. Kaj,
12 ricevante ĝin, ili murmuris pri la dompatro. Kaj
parolis: Tiuj ĉi lastaj laboris nur unu horon, kaj vi
traktis ilin egale al ni, kiuj elportis la ŝarĝon kaj
13 varmegon de la tago. Sed li respondis kaj diris al
unu el ili: Mia amiko, mi ne faras malpravon al vi.
14 Ĉu vi ne interkonsentis kun mi po unu denaro. Prenu,
kio estas via, kaj ekiru! Sed mi volas doni al tiu
15 ĉi lasta tiom, kiom al vi. Au ĉu mi ne havas poten-
con fari kun mia propraĵo, kion mi volas? Ĉu vi do
faras straban mienon pro tio, ke mi estas tiel bon-
16 fara? Tiel la lastaj estos la unuaj, kaj la unuaj la
lastaj. Ĉar multaj estas vokitaj, sed malmultaj estas
elektitaj.
17 Kaj li ekiradis supren Jerusalemon kaj kunprenis
la dekdu lernistojn aparte sur la vojo, kaj parolis al
18 ili: Jen, ni ekiras supren Jerusalemon, kaj la filo de
la homo estos transdonata al la ĉefpastroj kaj skrib-
19 instruituloj, kaj ili kondamnos lin al morto. Kaj
transdonos lin al la idolistoj, por moki, kaj skurĝi kaj
krucumi lin; kaj je la tria tago li reviviĝos.
20 Jen, la patrino de la infanoj de Zebedeo alpaŝis
kun siaj filoj, faliĝis antau li, kaj petis ion de li.
21 Kaj li parolis al ŝi: Kion vi volas? Ŝi parolis al li:
Lasu tiujn ĉi miajn du filojn sidi en via regno, la
unu apud via dekstra, kaj la alian apud via maldek-

stra. Sed Jesuo respondis kaj parolis: Vi ne scias, 22
kion vi petas. Ĉu vi povas trinki la kalikon, kiun
mi trinkos, kaj lasi vin bepti per la bapto, per kiu
mi estos baptita? Ili parolis al li: Jes, certe! Kaj 23
li parolis al ili: Vi estos ja trinkontaj mian kalikon,
kaj vi estos baptotaj per la bapto, per kiu mi
estos baptita, sed doni la sidadon apud mia dekstra
kaj maldekstra mi ne estas rajtigita, sed tiuj, al kiuj
tio estas pretigita de mia patro. Sed kiam la dek 24
audis ĉi tion, ili indignis pri la du fratoj. Sed Jesuo 25
alvokis ilin, kaj parolis: Vi scias, ke la mondaj prin-
coj regas, kaj la estroj havas potencon. Tiel ne devas 26
esti inter vi: sed se iu volas esti potenca inter vi,
tiu estu via servisto. Kaj kiu volas esti la plej emi- 27
nenta, tiu estu via sklavo. Tute kiel la filo de la 28
homo ne venis por lasi servi sin, sed ke li servu kaj
donu sian vivon je liberigo por multaj.
Kaj kiam ili eliris el Jeriho, multe da popolo sek- 29
vis lin. Kaj jen, du blinduloj sidis je la vojo; kaj 30
kiam ili audis, ke Jesuo preteriris, ili kriis kaj paro-
lis: Ho, Sinjoro, vi filo de Davido, kompatu je ni!
Sed la popolo minacis ilin, ke ili silentu. Sed ili 31
kriis multe pli kaj parolis: Ho, Sinjoro, vi filo de
Davido, kompatu je ni! Sed Jesuo ekhaltis, vokis 32
ilin, kaj parolis: Kion vi volas, ke mi faru al vi?
Ili parolis al li: Sinjoro, ke niaj okuloj estu malfer- 33
mataj! Kaj plena de kompatemo, Jesuo tuŝis iliajn 34
okulojn, kaj tuj iliaj okuloj fariĝis denove vidantaj, kaj
ili sekvis lin.

Kiam ili nun proksime ĉe Jerusalemo venis Bet- 21
fagen al la oleomonto, Jesuo sendis du de siaj ler-
nistoj. Kaj parolis al ili: Ekiru en la lokon, kiu 2
kuŝas antau vi, kaj vi trovos baldau azeninon alligitan
kaj ĉe ĝi azenidon; malligu ĝin kaj alkonduku ilin.

3 Kaj se iu diros al vi ion, parolu: La Sinjoro bezonas
4 ilin; tuj li lasos ilin al vi. Sed ĉi tio ĉio okazis, por
ke estu plenumota, kio estas dirita per la profeto,
5 kiu parolas: Diru al la filino Zion: Jen, cia reĝo
venas al ci dolĉanime, kaj rajdas sur azeno, kaj sur
6 ido de la ŝarĝebla azenino. La lernistoj ekiris kaj
7 faris, kiel la Sinjoro ordonis al ili. Kaj alportis la
azeninon, kaj la idon, kaj surmetis siajn vestojn kaj
8 metis lin sur ĝi. Sed multe da popolo etendis siajn
vestojn sur la vojon; la aliaj forbatis branĉojn de la
9 arboj, kaj dissemis ilin sur la vojon. Sed la popolo,
kiu antauiris kaj sekvis, kriis kaj parolis: Hosiana al
la filo de Davido! Estu laudita, kiu venas en la
10 nomo de la Sinjoro! Hosiana en la alteco! Kaj kiam
li eniradis en la urbon Jerusalemo, la tuta urbo ek-
11 scitis sin, kaj parolis: Kiu estas tiu? Sed la po-
polo parolis: Estas Jesuo, la profeto de Nazareto el
Galileo.
12 Kaj Jesuo eniris en la templon de Dio kaj elpelis
ĉiujn vendistojn kaj aĉetantojn en la templo, kaj ren-
versis la tablojn de la monŝanĝistoj, kaj la seĝojn de
13 la marĉandistoj de kolomboj Kaj parolis al ili: Estas
skribita: Mia domo estu nomata preĝodomo; sed vi
14 faris de ĝi kavon de mortigantoj. Kaj blinduloj kaj
lamuloj iris al li en la templon, kaj li resanigis ilin.
15 Sed la ĉefpastroj kaj skribinstruituloj, vidante la mi-
raklojn, kiujn li faris, kaj la infanojn, kriiante en la
templo kaj dirante: Hosiana al la filo de Davido! in-
16 dignis. Kaj parolis al li: Ĉu vi do audas, kion tiuj
ĉi diras? Jesuo parolis al ili: Jes! Ĉu vi neniam
legis? El la buŝo de la neplenaĝaj kaj suĉinfanoj ci
17 pretigis laudon? Kaj li lasis ilin tie kaj iris el la
urbo Betanienon, kaj restis tie.
18 Sed kiam li je la mateno denove iris en la urbon,
19 li malsatis. Kaj li vidis figujon apud la vojo kaj
aliris kaj trovis nenion sur ĝi ol nur foliojn, kaj pa-

rolis al ĝi: De nun kresku sur ci estonte jam neniam
ia frukto! Kaj tuj la figujo sekiĝis. Kaj siaj ler- 20
nistoj vidante tion, miris kaj parolis: Kiom rapide la
figujo sekiĝis! Sed Jesuo respondis kaj parolis al ili: 21
Vere, mi diras al vi, se vi havas kredon kaj ne dubas,
vi ne nur faros tian je la figujo, sed se vi diros al
tiu ĉi monto: Leviĝu kaj ĵetiĝu en la maron! tiam
ĉi tio okazos. Kaj ĉion, kion vi petas en preĝo, se vi 22
kredas, tion vi ricevos.

Kaj kiam li venis en la templon, kaj instruis, 23
alpaŝis la ĉefpastroj kaj grandaĝuloj de la popolo, kaj
parolis: Per kia potenco vi faras ĉi tion? Kaj kiu
donis al vi tiun ĉi potencon? Sed, Jesuo respondis kaj 24
parolis al ili: Mi volas ankau vin demandi pri io;
se vi al mi ĝin diras, mi ankau diros al vi, el
kia potenco mi faras tion. De kie estis la bapto de 25
Johano? Ĉu ĝi estis de la ĉielo au de la homoj?
Jen, ili pensis je si mem kaj parolis: Se ni dirus, ke
ĝi estis de la ĉielo, tiam li diros al ni: Kial do vi
ne kredis lin? Sed se ni dirus ke ĝi estis de la 26
homoj, tiam ni devos timi la popolon; ĉar ĉiuj kredis
Johanon profeton. Kaj ili respondis al Jesuo, kaj 27
parolis: Ni ĝin ne scias. Jen, li parolis al ili: Tiam
mi ankau ne diras al vi, el kia potenco mi faras tion.
Sed kiel ŝajnas al vi? Homo havis du filojn, kaj iris 28
al la unua kaj parolis: Mia filo, ekiru, kaj laboru
hodiau en mia vinmonto. Sed li respondis kaj parolis: 29
Mi ĝin ne volas fari. Poste li pentis ĝin kaj ekiris!
Kaj li iris al la alia, kaj parolis tiel same. Sed li 30
respondis kaj parolis: Sinjoro, jes, kaj ne ekiris. Kiu 31
de la du faris la volon de la patro? Ili parolis al
li: lu unua! Jesuo parolis al ili: Vere, mi diras al
vi: Impostistoj kaj publikulinoj eble venos pli facile
en la cielan regnon, ol vi. Johano venis al vi, kaj 32
instruis al vi la rektan vojon, kaj vi ne kredis lin;
sed la impostistoj kaj la prostitulinoj kredis lin. Kaj

kvankam vi ja vidis ĝin, vi tamen ne pentofaris, ke
vi post tio estu kredinte lin.
33 Auskultu alian alegorion: Estis dompatro, kiu
plantis vinmonton, kaj ĉirkauis ĝin per barilo kaj fosis
premilon interne kaj konstruis turon, kaj farmis ĝin
34 al la vinĝardenistoj kaj forvojaĝis. Kiam nun alprok-
simiĝis la tempo de la fruktoj, li sendis siajn servis-
tojn al la vinĝardenistoj, ke ili ricevu liajn fruktojn.
35 Jen, la vinĝardenistoj prenis liajn servistojn: la unu
ili bastonis, la alian ili mortigis, la trian ili ŝtonis.
36 Denove li sendis aliajn servistojn, pli multe ol estis de
37 la unuaj; kaj ili traktis tiujn ĉi tiel same. Poste li
sendis sian filon al ili, kaj parolis: Ili respektos mian
38 filon. Sed vidante la filon, la vinĝardenistoj parolis
unu al la alia: Tiu ĉi estas la heredanto, venu, ni
39 mortigu lin, kaj proprigu al ni lian heredon. Kaj ili
kaptis lin, puŝis lin el la vinmonto kaj mortigis lin.
40 Kiam nun la sinjoro de la vinmonto venos, kion li
41 faros je tiuj ĉi vinĝardenistoj? Ili parolis al li: Li
pereigos la malbonulojn kaj farmos sian vinmonton al
aliaj vinĝardenistoj, kiuj al li donas la fruktojn je
42 ĝusta tempo. Jesuo parolis al ili: Ĉu vi neniam legis
en la Skribo: La ŝtono, kiun la konstruistoj forĵetis,
fariĝis la angula ŝtono. Per la Sinjoro okazis tio, kaj
43 estas admirinde je niaj okuloj. Tial mi diras al vi:
La regno de Dio estos prenita de vi kaj donita al
44 la idolistoj, kiuj alportis liajn fruktojn. Kaj kiu falas
sur tiun ĉi ŝtonon, tiu disrompiĝos; sed sur kiu ĝi
45 falas, tiun ĝi frakasos. Kaj kiam la ĉefpastroj kaj
fariseoj audis liajn alegoriojn, ili rimarkis, ke li parolis
46 pri ili. Kaj ili penadis, kiamaniere ili povus ekkapti lin,
sed ili timis la popolon, ĉar ĝi kredis lin profeton.

22 Kaj Jesuo respondis kaj paroladis refoje per ale-
2 gorioj al ili kaj parolis: La ĉiela regno estas egala

al reĝo, kiu faris edziĝan feston al sia filo. Kaj el- 3
sendis siajn servistojn, ke ili voku la gastojn al la
edziĝofesto; kaj ili ne volis veni. Denove li elsendis 4
aliajn servistojn kaj parolis: Diru al la gastoj: Jen,
mi preparis mian manĝadon, miaj bovoj kaj mia gra-
sigita brutaro estas buĉitaj, kaj ĉio estas preta; venu
al la edziĝofesto. Sed ili malestimis ĝin, kaj ekiris, 5
la unu sur sian kampon, la alia al sia metio, Sed 6
kelkaj kaptis la servistojn, mokegis kaj mortigis ilin.
La reĝo audante ĉi tion, ekkoleris, kaj elsendis 7
siajn armeojn, kaj pereigis la mortigantojn, kaj ek-
bruligis ilian urbon. Tiam li parolis al siaj servistoj: 8
La edziĝo estas ja pretigita, sed la gastoj ne estis
indaj je ĝi. Tial iru en la stratojn kaj invitu al la 9
edziĝo ĉiun, kiun vi trovos. Kaj la servistoj eliris en 10
la stratojn kaj alportis kune, kiun ili trovis, bonulojn
kaj malbonulojn. Kaj ĉiuj tabloj fariĝis plenaj. Jen, 11
la reĝo eniris, rigardis la gastojn; kaj vidis tie homon,
kiu ne portis edziĝan vestaĵon. Kaj parolis al li: 12
Amiko, kiel vi envenis, kaj tamen ne estas en edziĝa
vestaĵo? Sed li silentis. Jen, la reĝo parolis al siaj 13
servistoj: Ligu liajn manojn kaj piedojn, kaj elĵetu
lin en la ekstreman mallumon; tie estos kriegado kaj
dentoklakado. Ĉar multaj estas vokitaj, kaj malmultaj 14
estas elektitaj.

Tiam la fariseoj ekiris kaj tenis konsilon, kiel ili 15
kaptus lin en lia parolado. Kaj sendis al li siajn 16
lernantojn, kun la servistoj de Herodo, kaj parolis:
Majstro, ni scias, ke vi estas verema, kaj instruas
rekte la vojon de Dio, kaj ŝatas neniun, ĉar vi ne
respektas la vidiĝon de la homoj. Tial diru al ni, 17
kiel ŝajnas al vi? Ĉu estas ĝuste doni imposton al
la imperiestro, au ne? Jesuo, rimarkante ilian ruzon 18
parolis: Vi hipokrituloj, kial vi tentas min? Montru 19
al mi la impostan moneron. Kaj ili prezentis al li
denaron. Kaj li parolis al ili: Kies estas la figuraĵo 20

21 kaj la surskribo? Ili parolis al li: De la imperiestro.
Jen, li parolis al ili: Donu do al imperiestro, kio estas
22 de imperiestro, kaj al Dio, kio estas de Dio. Kiam
ili audis tion, ili miris, lasis lin kaj deiris.
23 Je la sama tago venis al li la saduceoj, kiuj pre-
24 tendas, ke ne ekzistas reviviĝo, kaj demandis lin, Kaj
parolis: Majstro, Moso diris: Se iu mortas kaj ne
havas infanojn, tiam lia frato devas edziĝi kun lia edzino
25 kaj naskigi posteularon al lia frato. Nun estis ĉe ni sep
fratoj. La unua edziĝis, kaj mortis; kaj ne havante
26 posteularon, li postlasis sian edzinon al sia frato. Tiel
27 same la alia, kaj la tria, ĝis la sepa. Laste post ĉiuj
28 ankau la virino mortis. Nun en la reviviĝo, kies
edzino ŝi estos inter la sep? Ili ĉiuj estis ja ŝin
29 havintaj. Sed Jesuo respondis kaj parolis al ili: Vi
eraras kaj scias nek la Skribon, nek la forton de Dio.
30 En la reviviĝo ili nek edziĝos, nek lasos edzigi ŝin;
sed ili estas egale al la anĝeloj de Dio en la ĉielo.
31 Sed ĉu vi ne legis pri la reviviĝo de la mortintoj,
32 kio estas dirita al vi de Dio, kiu parolas: Mi estas
la dio de Abrahamo, kaj la dio de Isaako kaj la dio
de Jakobo? Sed Dio ne estas dio de la mortintoj, sed
33 de la vivantoj. Kiam la popolo audis ĉi tion, ili teruris
sin pri lia instruado.
34 Sed audante, ke li fermis la buŝegon al la saduceoj,
35 la fariseoj kunvenis. Kaj unu de ili, skribinstruitulo,
36 tentis lin, kaj parolis. Majstro, kio estas la plej emi-
37 nenta ordono en la leĝo? Sed Jesuo parolis al li:
Ci devas ami Dion, cian Sinjoron je la tuta koro, je
38 la tuta animo kaj je la tuta ecaro. Tio ĉi estas la
39 plej eminenta kaj plej granda ordono. Sed la alia
estas egale al tiu: Ci devas ami cian proksimulon kiel
40 cin mem. En tiuj ĉi du ordonoj estas la tuta leĝo
kaj la profetoj.
41 Ĉar la fariseoj nun estis kune, Jesuo demandis ilin,
42 Kaj parolis: Kiel vi pensas pri Kristo? Kies filo li

estas? Ili parolis: De Davido. Li parolis al ili: Kiel 43
do lin nomas Davido en spirito sinjoron, se li diras:
La Sinjoro diris al mia sinjoro: Sidigu cin al mia 44
dekstra, ĝis mi metos ciajn malamikojn al la benketo
de ciaj piedoj. Se nun Davido nomas lin: Sinjoro, 45
kiel li do estas lia filo? Kaj neniu povis al li respondi 46
vorton kaj de tiu tago estonte neniu permesis al si
demandi lin.

Tiam Jesuo paroladis al la popolo, kaj al siaj 23
lernistoj, Kaj parolis: Sur la seĝo de Moso sidas la 2
skribinstruituloj kaj fariseoj. Ĉion do, kion ili diras 3
al vi, ke vi observu, tion observu kaj faru ĝin, sed
lau iliaj faroj vi ne devas agi. Ili ja diras ĝin, sed
ne faras ĝin. Sed ili kunligas ŝarĝojn pezajn kaj neel- 4
porteblajn, kaj metas ilin sur la kolon de la homoj;
sed ili mem ne volas movi tiujn per unu fingro. Sed 5
ili faras ĉiujn siajn farajojn, por esti vidataj de la
homoj. Ili faras larĝe siajn memorbiletojn kaj grande
la borderojn de siaj vestajoj.
Ili volonte sidas antaue al la tabloj kaj en la 6
lernejoj. Kaj amas esti salutataj je la foirejo, kaj 7
esti nomataj de la homoj: Rabi! Sed vi ne devas 8
lasi vin nomi: Rabi, ĉar unu estas via majstro: Kristo,
sed vi ĉiuj estas fratoj. Kaj vi devas nomi neniun: 9
Patro, sur la tero; ĉar unu estas via patro, kiu estas
en la ĉielo. Kaj vi ne devas lasi vin nomi: Majstro, ĉar 10
unu estas via majstro: Kristo! La plej granda inter 11
vi devas esti via servisto. Ĉar kiu plialtigas sin mem, 12
tiu estos humiligata; kaj kiu humiligas sin mem, tiu
estos plialtigata.
Ve al vi, skribinstruituloj kaj fariseoj, vi hipo- 13
krituloj, kiuj fermas la ĉielan regnon antau la homoj!
Vi ne envenas, kaj kiuj volas eniri, tiujn vi ne lasas
eniri. Ve al vi, skribinstruituloj kaj fariseoj, vi hipo- 14

krituloj, kiuj englutas la domojn de la vidvinoj, pretek-
stante longajn preĝojn! Pro tio vi des pli atingos
15 kondamnon. Ve al vi skribinstruituloj kaj fariseoj,
kiuj ĉirkaŭvojaĝas je lando kaj akvo, por fari unu
judokunulon; kaj se li fariĝis tia, vi faras de li infanon
16 de la infero, duoble pli, ol vi estas! Ve al vi, blindi-
gitaj gvidantoj, kiuj diras: Se iu ĵuras je la templo,
estas sensignifa, sed kiu ĵuras je la oro de la templo, tiu
17 estas kulpa. Vi malsaĝuloj kaj blindaj! Kio estas pli
granda? La oro aŭ la templo, kiu sanktigas la oron?
18 Se iu ĵuras je la altaro, estas sensignifa, sed kiu ĵuras
19 je la ofero, kio estas sur ĝi, tiu estas kulpa. Vi mal-
saĝuloj kaj blindaj! Kio estas pli granda? La ofero
20 aŭ la altaro, kiu sanktigas la oferon? Tial, kiu ĵuras
je la altaro, tiu ĵuras je ĝi kaj je tio, kio estas sur
21 ĝi. Kaj kiu ĵuras je la templo, tiu ĵuras je ĝi, kaj
22 je tiu, 'kiu loĝas en ĝi. Kaj kiu ĵuras je la ĉielo,
tiu ĵuras je la seĝo de Dio, kaj je tiu, kiu sidas
sur ĝi.

23 Ve al vi, skribinstruituloj kaj fariseoj, vi hipo-
krituloj, kiuj metis la dek procentojn sur la mento,
anizo kaj kumino; kaj lasas flanken la plej gravan en
la leĝo, nome la juĝon, la kompatemon kaj la kredon.
24 Tion ĉi oni devus fari kaj tion ne lasi. Vi blindigitaj
gvidantoj, kiuj kribas kulojn kaj englutas kamelojn!
25 Ve al vi, skribinstruituloj kaj fariseoj, vi hipokrituloj,
kiuj ekstere tenas la pokalojn kaj vazojn pure, sed
26 interne estas plena da rabado kaj manĝego! Vi
blinda fariseo, purigu unue la internon de la pokalo
27 kaj vazo, por ke ankaŭ la eksteraĵo fariĝu pura! Ve
al vi, skribinstruituloj kaj fariseoj, vi hipokrituloj, kiuj
similas al la surkalkitaj tomboj, kiuj ekstere ŝajnas
beletaj, sed interne ili estas plena da ostoj de mortintoj
28 kaj da ĉia malpuraĵo! Tiel ankaŭ vi, ekstere vi ŝajnas
piaj antaŭ la homoj, sed interne vi estas plena da
29 hipokriteco kaj malvirto. Ve al vi, skribinstruituloj

kaj fariseoj, vi hipokrituloj, kiuj konstruas la tombojn
de la profetoj, kaj ornamas la tombojn de la justuloj,
Kaj parolas: Se ni estus vivintaj je la tempoj de niaj 30
patroj, ni ne estus partoprenintaj kun ili je la sango de
la profetoj. Tiel vi ja atestas pri vi mem, ke vi estas 31
infanoj de tiuj, kiuj mortigis la profetojn. Jen, plenumu 32
ankau vi la mezuron de viaj patroj! Vi serpentoj, vi 33
viperidoj, kiel vi volas eviti la inferan kondamnon?
Tial jen, mi sendas al vi profetojn, kaj saĝulojn, 34
kaj skribinstruitulojn; kaj kelkajn de ili vi mortigos
kaj krucumos, kaj kelkajn vi skurĝos en viaj lernejoj,
kaj persekutos ilin de unu urbo en la alian. Por ke 35
venu super vi ĉiu justa sango, kiu estas verŝita sur la
tero, de la sango de la justa Abelo ĝis la sango de
Zahario, la filo de Barahio, kiun vi mortigis inter la
templo kaj altaro. Vere, mi diras al vi, ke tia ĉio 36
venos super tiu ĉi gento. Jerusalemo, Jerusalemo, 37
kiu mortigas la profetojn, kiuj estas senditaj al ci!
Kiel ofte mi volis kolekti ciajn infanojn, kiel kokino
kunigas siajn kokidojn sub siaj flugiloj, kaj vi ne estas
volintaj. Jen, via domo estos al vi lasota dezerta. 38
Ĉar, mi diras al vi: Vi min ne vidos de nun, ĝis vi 39
parolos: Estu laudita, kiu venas en la nomo de la
Sinjoro!

Kaj Jesuo foriris el la templo, kaj liaj lernistoj 24
venis al li, por montri al li la konstruaĵojn de la
templo. Sed Jesuo parolis al ili: Ĉu vi vidas ĉi tion 2
ĉion? Vere, mi diras al vi: Ne restos tie ĉi unu
ŝtono sur la alia, kiu ne estos disrompota. Kaj kiam 3
li sidis sur la oleomonto, liaj lernistoj venis aparte
al li, kaj parolis: Diru al ni, kiam tio okazos? Kaj
kio estos la signo de via estonteco kaj de la fino de
la mondo? Sed Jesuo respondis kaj parolis al ili: 4
Atentu, ke neniu delogu vin. Ĉar multaj venos je mia 5

nomo kaj diros: Mi estas Kristo, kaj delogos multajn.
6 Vi audos pri militoj kaj kriado de militoj, atentu kaj
ne ektimu. Ĉio tio ĉi devas okazi unue, sed ne estos
7 jam la fino. Ĉar unu popolo ribelos kontrau la alia,
kaj reĝolando kontrau la alia, kaj estos pesto kaj
8 kara tempo, kaj ofte tertremoj. Jen la mizero nur
9 komencos. Tiam ili transdonos vin al la ĉagrenego,
kaj mortigos vin. Kaj vi estos malamotaj pro mia
10 nomo, de ĉiuj nacioj. Tiam multaj ekkoleros, kaj
perfidos sin unu la alian, kaj malamos sin, unu la
11 alian. Kaj multaj malveraj profetoj leviĝos, kaj delogos
12 multajn. Kaj pro la tromultiĝanta maljusteco, la amo
13 malvarmiĝos en multaj. Sed kiu persistas ĝis la fino,
14 tiu estos feliĉega. Kaj la evangelio de la regno estos
predikata en la tuta mondo, je atesto pri ĉiuj nacioj,
kaj tiam venos la fino.
15 Kiam vi nun vidos la abomenojn de la dezertigado
en la sankta loko, pri kio estas dirita per la profeto
16 Danielo (kiu legas ĝin, tiu atentu je ĝi). Tiam for-
kuru sur la montojn, kiu estas en la hebrea lando.
17 Kaj kiu estas sur la tegmento, tiu ne iru malsupren,
18 por ion kunpreni el sia domo. Kaj kiu estas sur la
kampo, tiu ne turnu sin, por preni siajn vestaĵojn.
19 Sed ve al la gravedaj kaj la suĉinfanoj je tiu tempo!
20 Sed petu, ke via forrapido ne okazu en la vintro, au
21 je la sabato. Ĉar tiam estos granda ĉagrenego, kiel
ne estis de la komenco de la mondo ĝis nun, kaj kiel
22 ankau ne fariĝos. Kaj se tiuj ĉi tagoj ne estus
mallongigitaj, neniu homo fariĝus feliĉega; sed pro la
23 elektitaj la tagoj estos mallongigitaj. Se tiam iu diros
al vi: Jen, ĉi tie estas Kristo, au tie; vi ne kredu
24 ĝin. Ĉar leviĝos malveraj Kristoj kaj malveraj pro-
fetoj, kaj faros grandajn signojn kaj miraklojn, tiel ke
estos delogitaj en la eraron (se estus ebla), ankau la
25 elektitaj. Jen, mi estas ĝin dirinta al vi antaue.
26 Tial, se ili diros al vi: Jen, li estas en la dezerto, vi

ne eliru: Jen, li estas en la kamero, vi ne kredu ĝin.
Ĉar kiel la fulmo eliras de la leviĝo, kaj lumegas ĝis 27
la subiro; tiel ankau estos la estonteco de la homofilo.
Sed kie la mortaĵo estas, tie la agloj kunvenas. 28
Sed baldau post la ĉagrenego de tiu tempo la suno 29
kaj la lumo perdos la brilon, kaj la steloj falos el
la ĉielo, kaj la fortoj de la ĉieloj movados sin. Kaj 30
tiam aperos la signo de la homofilo en la ĉielo.
Kaj tiam ĉiuj gentoj sur la tero kriegos kaj vidos la
filon de la homo venante en la nuboj de la ĉielo, kun
granda forto kaj gloro. Kaj li sendos siajn anĝelojn 31
kun lautaj trombonoj, kaj ili kolektos liajn elektitajn
de la kvar ventoj, de unu fino de la ĉielo ĝis la alia.
Lernu alegorion je la figujo. Kiam ĝia branĉo suki- 32
ĝos, kaj havos foliojn, tiam vi scias, ke la somero
alproksimiĝas. Tiel ankau, kiam vi vidos ĉi tion ĉion, 33
sciu, ke ĝi estas proksime antau la pordo. Vere, mi 34
diras al vi: Tiu ĉi gento ne pasos, ĝis tio ĉio oka-
ros. Ĉielo kaj tero pasos, sed miaj paroloj ne pasos. 35
Sed pri la tago kaj pri la horo neniu scias, ankau 36
ne la anĝeloj en la ĉielo; sed sole mia patro. Sed 37
egale kiel estis je la tempo de Noa, tiel estos la
estonteco de la homofilo. Ĉar tiel same, kiel ili estis 38
je la tagoj antau la superakvego; ili manĝis, ili
trinkis, ili edziĝis, kaj lasis edzigi sin ĝis la tago,
kiam Noa eniris en sian kestegon. Kaj ili ne atentis 39
ĝin, ĝis la superakvego venis, kaj forprenis ĉiujn; tiel
ankau estos la estonteco de la homofilo. Tiam du estos 40
sur la kampo; unu estos akceptita kaj la alia estos
forlasita. Du muelos en la muelejo; unu virino estos 41
akceptita, kaj la alia estos forlasita. Tial gardu, ĉar 42
vi ne scias, je kia horo via Sinjoro venos!
Sed ĉi tion vi sciu: Se la dompatro scius, en kia 43
horo la ŝtelisto venus; li ja gardus kaj ne lasus per-
forti sian domon. Tial ankau vi estu pretaj; ĉar la 44
filo de la homo venos je unu horo, kiam vi ne ĝin

45 supozos. Sed kiu estas do la fidela kaj saĝa servisto,
kiun lia sinjoro metis super sian servistaron, por doni
46 al ili manĝaĵon je ĝusta tempo? Feliĉega estas la
servisto, kiam lia sinjoro venas, kaj trovas lin tiel
47 farante. Vere, mi diras al vi: Li metos lin super ĉiujn
48 siajn bienojn. Sed se tiu, la malbona servisto, diros
49 en sia koro: Mia sinjoro ne venos tiel baldau. Kaj
komencas bati siajn kunservistojn, manĝas kaj trinkas
50 kun la drinkuloj; Jen la sinjoro de ĉi-tiu servisto
venos je la tago, kiam li ne supozas ĝin, kaj je la
51 horo, kiun li ne pensas. Kaj frakasos lin kaj donos
al li lian pagon kun la hipokrituloj. Tiam estos plo-
regado kaj dentoklado.

25 Tiam la ĉiela regno estos egala al dek virgulinoj,
kiuj prenis siajn lampojn, kaj eliris renkonte al la
2 fianĉo. Sed kvin inter ili estis malsaĝaj, kaj kvin
3 estis saĝaj. La malsaĝaj prenis siajn lampojn, sed
4 ili ne kunprenis oleon. Sed la saĝaj prenis oleon en
5 siaj vazoj kun siaj lampoj. Ĉar nun la fianĉo mal-
6 rapidis, ili fariĝis dormemaj kaj ekdormis. Sed je la
noktomezo ektonis kriado: Jen, la fianĉo venas, eliru
7 renkonte al li! Jen ĉiuj tiuj virgulinoj leviĝis kaj
8 ornamis siajn lampojn. Sed la malsaĝaj parolis al la
saĝaj: Donu al ni da via oleo, ĉar niaj lampoj estin-
9 giĝas. Jen, la saĝaj respondis kaj parolis: Ne tia-
maniere, por ke ne manku al ni kaj al vi. Sed ekiru
10 al la vendistoj kaj aĉetu por vi mem. Kaj kiam ili
ekiris por aĉeti, la fianĉo venis; kaj kiuj estis pretaj,
tiuj eniris kun li al la edziĝofesto; kaj la pordo estis
11 ŝlosita. Laste la aliaj virgulinoj venis ankau kaj parolis:
12 Sinjoro, Sinjoro, malfermu al ni! Sed li respondis
kaj parolis: Vere, mi diras al vi, mi ne konas vin!
13 Tial gardu; ĉar vi scias nek tagon nek horon, en kiu
la filo de la homo venos.

Tute kiel homo, kiu forvojaĝis en la landon, vokis 14
siajn servistojn, kaj transdonis al ili siajn bienojn.
Kaj donis al unu kvin centerojn, al la alia du, al 15
la tria unu, al ĉiu lau lia kapableco, kaj foriradis
baldau. Jen tiu, kiu ricevis kvin centerojn, ekiris, 16
kaj komercis per ili, kaj gajnis aliajn kvin centerojn.
Tiel same ankau tiu, kiu ricevis la du centerojn, 17
gajnis ankau du aliajn. Sed tiu, kiu ricevis unu cent- 18
eron ekiris kaj faris foson en la teron, kaj kaŝis la
monon de sia sinjoro. Post longa tempo la sinjoro 19
de tiuj ĉi servistoj venis kaj likvidis kun ili. Jen, 20
tiu alpaŝis, kiu ricevis kvin centerojn, kaj prezentis
kvin aliajn centerojn kaj parolis: Sinjoro, vi donis
al mi kvin centerojn, jen, mi gajnis per tio kvin
aliajn centerojn. Tiam lia sinjoro parolis al li: Ho, 21
vi pia kaj fidela servisto, vi estis fidela pri malmulte,
mi volas meti vin super multon, eniru je la ĝojo de
via sinjoro! Tiam ankau alpaŝis tiu, kiu ricevis du 22
centerojn, kaj parolis: Sinjoro, vi transdonis al mi
du centerojn, jen, mi gajnis per ili du aliajn. Lia 23
sinjoro parolis al li: Ho, vi pia kaj fidela servisto, vi
estis fidela pri malmulto, mi volas meti vin super
multon, eniru je la ĝojo de via sinjoro! Tiam ankau 24
alpaŝis tiu, kiu ricevis unu centeron, kaj parolis:
Sinjoro, mi sciis, ke vi estas severa viro; vi trančas,
kie vi ne semis, kaj kolektas, kie vi ne disŝutis. Kaj 25
timis, ekiris, kaj kaŝis vian centeron en la teron.
Jen, vi havas la vian. Sed lia sinjoro respondis 26
kaj parolis al li: Vi fripono kaj mallaborema servisto!
Ĉu vi sciis, ke mi trančas kie mi ne semis, kaj kolek-
tas, kie mi ne disŝutis? Tiam vi estus devinta doni 27
mian monon al la monŝanĝisto, kaj kiam mi estus
reveninta, mi estus preninta la mian kun procentego.
Tial prenu de li la centfunton kaj donu ĝin al tiu, 28
kiu havas dek centerojn. Ĉar, kiu havas, al tiu 29
estos donata, kaj li havos la sufiĉegon; sed kiu ne

havas, al tiu estos prenita ankau tio, kion li havas.
30 Kaj elĵetu la malutilan serviston en la ekstreman
mallumon; tie estos ploregado kaj dentoklakado.
31 Sed kiam la filo de la homo venos en sia gloro
kaj ĉiuj anĝeloj kun li, li sidos sur la seĝo de sia
32 gloro. Kaj ĉiuj nacioj estos kolektitaj antau li. Kaj
li disigos ilin unu de la alia, egale kiel paŝtisto disi-
33 gas la ŝafajn el la kaproj. Kaj li metos la ŝafojn al
34 sia dekstra, kaj la kaprojn al sia maldekstra. Tiam
la reĝo diros al tiuj, je sia dekstra: Alvenu vi beni-
tuloj de mia patro, heredu la regnon, kiu estas pre-
35 tigita al vi de la komenco de la mondo. Car mi estis
malsata, kaj vi al mi donis ion por manĝi. Mi soifis,
kaj vi al mi donis ion por trinki. Mi estis gasto, kaj
36 vi gastigis min. Mi estis nuda, kaj vi vestis min. Mi
estis malsana, kaj vi vizitis min. Mi estis mallibera
37 kaj vi venis al mi. Tiam la justuloj respondos al li,
kaj diros: Sinjoro, kiam ni vidis vin malsatan, kaj al
vi donis por manĝi? Au malsoifan, kaj al vi donis por
38 trinki? Kiam ni vidis vin kiel gaston, kaj gastigis? Au
39 nudan kaj vestis vin? Kiam ni vidis vin malsanan au
40 malliberan, kaj venis al vi? Kaj la reĝo respondos kaj
diros al ili: Vere mi diras al vi: Kion vi faris al iu
de ĉi-tiuj miaj plej malgravaj fratoj, tion vi faris
41 al mi. Tiam li diros ankau al tiuj al la maldekstra:
foriru de mi, vi malbenitaj en la eternan fajron, kiu
42 estas pretigita al la diablo kaj al liaj anĝeloj! Mi
estis malsata, kaj vi ne donis al mi por manĝi. Mi soifis
43 kaj vi al mi ne donis por trinki. Mi estis gasto, kaj vi
ne gastigis min. Mi estis nuda kaj vi ne vestis min.
Mi estis malsana kaj mallibera, kaj vi ne vizitis min.
44 Jen, ili ankau al li respondos kaj diros: Sinjoro, kiam ni
vidis vin malsatan, au soifantan, au gaston, au nudan,
45 au malliberan, kaj ne servis al vi? Tiam li respondos
al ili kaj diros: Vere, mi diras al vi: kion vi ne faris
al iu de tiuj ĉi malgravuloj, tion vi ankau ne faris

al mi. Kaj ili iros en la eternan turmentegon, sed 46
la justuloj en la eternan vivon.

Kaj okazis, ke Jesuo, fininte ĉiujn tiujn ĉi parola- 26
dojn, parolis al siaj lernistoj: Vi scias, ke post du 2
tagoj estos Pasko, kaj la filo de la homo estos trans-
donita, por esti krucumata. Tiam la ĉefpastroj, la 3
skribinstruituloj, kaj grandaĝuloj de la popolo kunvenis
en la palaco de la ĉefpastro, kiu estis nomata: Kaj-
fas. Kaj konsiliĝis, kiel ili povus ekkapti kaj mortigi 4
Jesuon. Sed ili parolis: Neniel al la festo, por ke ne 5
devenu tumulto en la popolo.
Kiam nun Jesuo estis en Betanio en la domo de 6
Simo, la leprulo; Venis al li virino, havante glason 7
da bonega akvo, kaj verŝis ĝin sur lian kapon, kiam
li sidis al la tablo. La lernistoj tion vidante, 8
indignis kaj parolis: Por kio tiu ĉi malŝparaĵo? Tiun 9
ĉi akvon oni estus povinta kare vendi, kaj doni la
monon al la malriĉuloj. Jesuo tion rimarkante, parolis 10
al ili: Kial vi dolorigas la virinon? Ŝi faris bonan
faraĵon al mi. Vi havos ĉiutempe malriĉulojn ĉe vi, 11
sed min vi ne havos ĉiam. Ke ŝi verŝis tiun ĉi akvon 12
sur mian korpon, tion ŝi faris pro tio, ke oni enterigos
min. Vere, mi diras al vi: Kie ĉi tiu evangelio estos 13
predikata en la tuta mondo, tie oni ankau diros je ŝia
memoro, kion ŝi faris.
Tiam unu de la dekdu, nomata Judo Iŝarjot ekiris 14
al la ĉefpastroj. Kaj parolis: Kion vi estus al mi donon- 15
taj? Mi volas perfidi lin al vi. Kaj ili proponis al
li tridek arĝentmonerojn. De tiam li serĉis okazon, 16
perfidi lin. Sed je la unua tago de la dolĉaj panoj, 17
la lernistoj venis al Jesuo, kaj parolis al li: Kie vi
volas, ke ni al vi preparu por manĝi la Paskan ŝafidon?
Li parolis: Ekiru en la urbon al unu kaj parolu al 18
li: La majstro igas al vi diri: Mia tempo alvenis, mi

19 estas festonta Paskon ĉe vi kun miaj lernistoj! Kaj la
lernistoj faris, kiel Jesuo ordonis al ili, kaj preparis
la Paskan ŝafidon.
20 Kaj je la vespero li sidiĝis al la tablo kun la
21 dekdu. Kaj kiam ili manĝis, li parolis: Vere, mi diras
22 al vi, unu el vi perfidos min. Kaj ili fariĝis malĝojaj,
kaj komencis, ĉiu de ili, diri al li: Sinjoro, ĉu estas
23 mi? Li respondis, kaj parolis: Kiu, per la mano kun
24 mi trempas en la manĝujon, tiu perfidos min. Certe,
la filo de la homo ekiros, kiel estas skribita: tamen
ve al la homo, per kiu la filo de la homo estos per-
fidita. Estus pli bone al li, ke tia homo neniam
25 estus naskita. Tiam Judas, kiu perfidis lin, respondis
kaj parolis: Ĉu estas mi, Rabi? Li parolis al li: Ci
26 diras ĝin. Sed kiam ili manĝis, Jesuo prenis la
panon, dankis, kaj rompis ĝin, kaj donis ĝin al siaj
lernistoj, kaj parolis: Prenu, manĝu; tio estas mia
27 korpo. Kaj li prenis la kalikon, kaj dankis, donis ĝin
28 al ili, kaj parolis: Trinku, ĉiuj el ĝi. Tio estas mia
sango de la nova testamento, kiu estos verŝita por
29 multaj, je pardono de la pekoj. Mi diras al vi: De
nun mi jam ne trinkos de tiu ĉi kreskaĵo de la vin-
berejo, ĝis la tago, kie mi trinkos ĝin denove kun
30 vi en la regno de mia patro. Kaj, parolinte la laudo-
kanton, ili eliris al la oleomonto.
31 Jen, Jesuo parolis al ili: En tiu ĉi nokto vi ĉag-
reniĝos ĉiuj pri mi. Ĉar estas skribita: Mi frapos la
32 paŝtiston, kaj la ŝafoj de la brutaro distros sin. Sed
kiam mi reviviĝos, mi estas ekironta antau vi en Galileo.
33 Sed Petro respondis, kaj parolis al li: Se ili eĉ ĉiuj
34 ĉagreniĝus pri vi, mi neniam do ĉagreniĝos. Jesuo
parolis al li: Vere, mi diras al ci: En tiu ĉi nokto,
antau ol la koko krios, vi malkonfesos min trifoje.
35 Petro parolis al li: Kaj se mi devus morti kun vi, mi
ne volas malkonfesi vin. Tiel same diris ankau ĉiuj
lernistoj.

Tiam Jesuo venis kun ili al unu korto, kiu estis 36
nomata: Getsemaneo, kaj parolis al siaj lernistoj: Sidiĝu
tie ĉi, dum mi iras tien kaj preĝas! Kaj kunprenis 37
Petron kaj la du filojn de Cebedeo kaj komencis mal-
ĝoji kaj malkuraĝi. Jen, Jesuo parolis al ili: Mia 38
animo estas malĝoja ĝis la morto, restu tie ĉi kaj
gardu kun mi. Kaj li ekiris iome, faliĝis je sia 39
vizaĝo, kaj preĝis, kaj parolis: Mia patro, se estas
ebla, iru tiu ĉi kaliko for de mi; sed ne kiel mi
volas, sed kiel Ci volas. Kaj li venis al siaj lernistoj 40
kaj trovis ilin dormantajn, kaj parolis al Petro: Ĉu
vi ne povas maldormi kun mi eĉ unu horon? Gardu 41
kaj preĝu, ke vi ne estu tentataj. La spirito estas
volema, sed la karno estas malforta. Je la dua fojo, 42
li denove ekiris, preĝis kaj parolis: Mia patro, ĉu ne
estas ebla, ke tiu ĉi kaliko forpasus de mi, sen ke
mi trinkus ĝin; fariĝu do via volo. Kaj li venis kaj 43
trovis ilin refoje dormante, kaj iliaj okuloj estis plena
de dormo. Kaj li lasis ilin, kaj ekiris denove, kaj 44
preĝis je la tria fojo, kaj parolis la samajn vortojn.
Tiam li venis al siaj lernistoj kaj parolis al ili; Ha, 45
ĉu vi nun dormos kaj ripozos? Jen, estas la horo,
ke la filo de la homo estos transdonita en la manojn
de la pekuloj! Stariĝu, ni iru; jen li estas, kiu 46
perfidos min.

Kaj dum li ankorau parolis, jen, venis Judas, unu 47
el la dekdu, kaj kun li granda bando kun glavoj kaj
stangoj, de la ĉefpastroj kaj grandaĝuloj de la popolo.
Kaj la perfidulo estis doninta al ili signon, kaj dirinta 48
kiun mi kisos, tiun ekkaptu! Kaj tuj li paŝis al Jesuo 49
kaj parolis: Saluto al vi Rabi, kaj kisis lin. Sed Jesuo 50
parolis al li: Mia amiko, kial ci venis? Tiam ili
alproksimiĝis kaj almetis la manojn sur Jesuon kaj
ekkaptis lin. Kaj jen, unu el tiuj, kiuj estis kun 51
Jesuo etendis la manon kaj eltiris sian glavon kaj
frapis la serviston de la ĉefpastro, kaj forbatis lian

52 orelon. Jen, Jesuo parolis al li: Enpuŝu cian glavon
en ĝian lokon, ĉar kiu ekprenas la glavon, tiu pereos
53 per la glavo. Au ĉu vi opinias, ke mi ne povus peti
mian patron sendi al mi pli ol dekdu legionojn da
54 anĝeloj? Sed kiel la Skribo estus plenumita? Devas
55 tiel okazi. Je tiu horo Jesuo parolis al la bandoj: Vi
eliris kiel al mortiganto, kun glavoj kaj stangoj, por
kapti min. Mi ja sidis ĉiutage ĉe vi, kaj instruis en
56 la templo, kaj vi ne ekkaptis min. Sed tio ĉio okazis,
por ke la skriboj de la profetoj estu plenumitaj. Jen,
ĉiuj lernistoj forlasis lin kaj forkuris.
57 Sed kiuj ekkaptis Jesuon, kondukis lin al la ĉef-
pastro Kajfas, kie la skribinstruituloj kaj granda-
58 ĝuloj estis kunvenintaj. Sed Petro sekvis lin de
malproksime ĝis la palaco de la ĉefpastro kaj eniris
kaj sidiĝis apud la servistoj, por vidi, kio okazus.
59 Sed la ĉefpastroj kai grandaĝuloj kaj la tuta kon-
silaro serĉis malveran ateston kontrau Jesuo, por
60 povi mortigi lin. Kaj trovis nenion. Kaj kvankam
multaj malveraj atestantoj aperis, ili tamen trovis
61 nenion. Laste du malveraj atestantoj alpaŝis. Kaj
parolis: Li diris: Mi povas disrompi la templon de
62 Dio, kaj rekonstrui ĝin en tri tagoj. Kaj la ĉef-
pastro stariĝis kaj parolis al li: Ĉu vi respondas
63 nenion al tio, kion tiuj ĉi atestas kontrau vi. Sed
Jesuo silentis. Kaj la ĉefpastro respondis, kaj parolis
al li: Mi perĵurigas vin ĉe la viva Dio, ke vi diru
64 al mi, ĉu vi estas Kristo, la filo de Dio. Jesuo parolis
al li: Vi diras ĝin. Sed mi diras al vi: De nun
okazos, ke vi vidos la filon de la homo sidante al la
dekstra de la forto, kaj venante en la nuboj de la
65 ĉielo. Jen, la ĉefpastro dissŝiris siajn vestojn, kaj
parolis: Li blasfemis Dion, por kio ni bezonas plue
66 ateston? Jen, nun vi audis lian blasfemon. Kiel
ŝajnas al vi? Ili respondis kaj parolis: Li estas kulpa
67 de morto. Jen, ili kraĉis je lia vizaĝo, kaj batis

lin per pugnoj. Sed kelkaj batis lin je la vizaĝo,
Kaj parolis: Profetu al ni, Kristo, kiu estas tiu, kiu 68
batis vin?
Sed Petro sidis ekstere en la palaco; kaj unu servis- 69
tino alpaŝis al li kaj parolis: Kaj vi ankau estis kun
Jesuo el Galileo! Sed li malkonfesis antau ili ĉiuj, 70
kaj parolis: Mi ne scias, kion vi diras! Sed kiam li 71
eliris el la pordo, alia servistino vidis lin, kaj parolis
al tiuj, kiuj ĉeestis: Tiu ĉi estis ankau kun Jesuo
el Nacareto. Kaj li malkonfesis denove, kaj ĵuris por 72
tio; Mi ne konas la homon; Kaj post mallonga dauro 73
alpaŝis la ĉirkaustarantaj, kaj parolis al Petro: Vere,
vi estas ankau unu de tiuj; ĉar via lingvo perfidas
vin! Jen, li komencis malbeni sin kaj ĵuri: Mi ne 74
konas la homon. Kaj tuj la koko ekkriis. Jen, Petro 75
memoris la parolojn de Jesuo, kiam li diris al li:
Antau ol la koko ekkrios, vi malkonfesos min trifoje.
Kaj eliris kaj ploregis.

Sed je la mateno ĉiuj ĉefpastroj kaj la granda- 27
ĝuloj de la popolo konsiliĝis pri Jesuo, por mortigi 2
lin. Kaj ligis lin, alkondukis lin kaj transdonis lin al
la reganto Poncio Pilato. Kiam Judas, kiu perfidis 3
lin, vidis ke li estis kondamnita al morto, li pentis
ĝin, kaj reportis la tridek arĝentmonerojn al la ĉef-
pastroj kaj al la grandaguloj. Kaj parolis: Mi faris 4
malbonon, ke mi perfidis senkulpan sangon. Ili parolis: 5
Ĉu tio koncernas nin? Atentu do mem. Kaj li ĵetis
la arĝentmonerojn en la templon, foriĝis, ekiris kaj
pendigis sin mem. Sed la ĉefpastroj prenis la arĝent- 6
monerojn, kaj parolis: Ne decas ĵeti ilin en la dio-
keston, ĉar estas sanga mono. Sed ili konsiliĝis, kaj 7
aĉetis la kampon de unu potisto per ĝi, por la entomb-
igo de la pilgrimoj. Tial la sama kampo estas 8
nomita: la sangokampo, ĝis la nuna tago. Tiel estas 9

plenumita, kio estas dirita per la profeto Jeremio,
kiu parolas: Ili prenis tridek arĝentmonerojn, per kio
estis pagita la venditulo, kiun ili aĉetis de la infanoj
10 de Israelo. Kaj donis ilin por la kampo de unu potisto,
kiel la Sinjoro ordonis al mi.
11 Sed Jesuo staris antaŭ la reganto; kaj la reganto
demandis lin, kaj parolis: Ĉu vi estas la reĝo de la
12 Judoj? Sed Jesuo parolis al li: Vi diras ĝin! Kaj
kvankam estante kulpigita de la ĉefpastroj kaj granda-
13 ĝuloj, li respondis nenion. Jen, Pilato parolis al li: Ĉu
14 vi ne aŭdas kiel forte ili kulpigas vin? Kaj li ne
respondis al li je ia parolo, tiel, ke ankaŭ la reganto
tre miris.
15 Sed je la festo la reganto havis la kutimon, liberigi
16 al la popolo unu malliberulon, kiun ili volis. Sed li
havis je tiu tempo malliberulon, unu apartan el aliaj,
17 kiu estis nomata Barabas. Kaj kiam ili estis kun-
venintaj, Pilato parolis al ili: Kiun vi volas, ke mi
al vi liberigu? Barabas aŭ Jesuon, pri kiu oni
18 diras, ke li estus Kristo? Ĉar li certe sciis, ke ili
19 transdonis lin je envio. Kaj kiam li sidis sur la
juĝa seĝo, lia edzino sendis al li, kaj igis diri al li:
Havu nenian aferon je tiu ĉi justulo; mi multe suferadis
20 en sonĝo pro li. Sed la ĉefpastroj kaj grandaĝuloj
konvinkis la popolon, ke ili devus peti pri Barabas,
21 kaj pereigi Jesuon. Jen, la reganto respondis kaj
parolis al ili: Kiun vi volas de tiuj ĉi du, ke mi
22 liberigu al vi? Ili respondis: Barabas! Sed Pilato
parolis al ili: Kion mi do faros kun Jesuo, pri kiu
oni diras: li estas Kristo? Ili ĉiuj parolis: Krucumigu
23 lin! La reganto diris: Kian malbonon li do faris?
Sed ili kriis pli multe, kaj parolis: Krucumigu lin!
24 Sed kiam Pilato vidis, ke li atingis nenion, sed ke la
tumulto fariĝis pli granda, li prenis akvon, kaj lavis
siajn manojn antaŭ la popolo, kaj parolis: Mi estas
senkulpa je la sango de tiu ĉi justulo; vi atentu!

Jen la tuta popolo respondis, kaj parolis: Lia sango 25
venu super ni kaj super niaj infanoj! Tiam li liberi-
gis al ili Barabas; sed Jesuon li igis skurĝi, kaj trans- 26
donis lin, ke li estu krucumota.

Jen la soldatoj de la reganto kunprenis Jesuon 27
en la ekzekutejon kaj kolektis pro li la tutan ban-
don. Kaj senvestigis lin kaj metumis al li purpur- 28
mantelon. Kaj plektis al li dornokronon kaj metis ĝin 29
sur lian kapon, kaj kanon en lian dekstran manon, kaj
genufleksis antaŭ li, kaj mokis lin, kaj parolis: Saluto
al vi, reĝo de la Judoj! Kaj kraĉis je li, kaj prenis 30
la kanon kaj frapis per ĝi lian kapon.

Kaj mokinte lin, ili deprenis la mantelon, kaj vestis 31
al li liajn vestojn, kaj dekondukis lin, por krucumi
lin. Kaj elirante ili trovis homon el Kireno, nome 32
Simono; tiun ĉi ili devigis porti lian krucon por
li. Kaj venante al la loko, nome Golgata, tio 33
signifas: kraniejo, Ili donis al li trinki vinagron, 34
miksita kun galo; kaj kiam li gustumis ĝin, li ne
volis trinki. Sed krucuminte lin, ili partigis liajn 35
vestojn, kaj lotis pri ĝi, por ke estu plenumota kio
estas dirita per la profeto: Ili dividis miajn vestojn
kaj ĵetis la loton pri mia vestaĵo. Kaj ili sidis tie, 36
kaj gardis lin. Kaj supre lia kapo, ili aligis sur- 37
skribaĵon pri la kaŭzo de lia morto, nome: Tiu ĉi
estas Jesuo, reĝo de la Judoj. Kaj tie du morti- 38
gantoj estis krucumitaj kun li, la unu al la dekstra,
kaj la alia al la maldekstra. Sed la preterirantoj 39
blasfemis lin, kaj ŝancelis la kapojn. Kaj parolis: Vi, 40
kiu disrompas la templon de Dio, kaj konstruas ĝin
en tri tagoj, helpu vin mem. Se vi estas la filo de
Dio, malsupreniĝu de la kruco. Tiel same ankaŭ la 41
ĉefpastroj mokis lin, kun la skribistruituloj kaj grandaĝ-
uloj kaj parolis: Li helpis aliajn, kaj ne povas helpi 42
sin mem. Se li estas la reĝo de Israelo, li de-
supreniru do de la kruco, kaj ni estos lin kredontaj. Li 43

konfidis al Dio, tiu ĉi liberigu lin nun, se li havas plezu-
44 ron pri ĝi; ĉar li diris: Mi estas la filo de Dio. Tiel
same insultis lin ankau la mortigantoj, kiuj estis kru-
45 cumitaj kun li. Kaj de la sesa horo fariĝis granda
46 mallumo super la tuta lando, ĝis la naua horo. Kaj
je la naua horo Jesuo ekkriis laute, kaj parolis: Eli,
Eli, lama asabtani? Tio estas: Mia Dio, mia Dio, kial
47 ci forlasis min? Sed kelkaj, kiuj tie staris, audante
48 tion, parolis: Tiu ĉi vokas Elion! Kaj baldau unu de
ili kuris, prenis spongon kaj plenigis ĝin je vinagro
49 kaj trinkigis lin. Sed la aliaj parolis: Haltu, ni vidu,
50 ĉu Elio venos kaj helpos al li! Sed Jesuo ekkriis
denove laute, kaj eksspiris.
51 Kaj jen, la kurteno en la templo disŝiriĝis en du
52 pecoj de supre ĝis malsupre. Kaj la tero ektremis,
kaj la ŝtonegoj fendiĝis, kaj la tomboj malfermiĝis,
kaj multaj korpoj de la sanktuloj dormantaj leviĝis.
53 Kaj iris el la tomboj post lia reviviĝo, kaj venis en
54 la sanktan urbon, kaj aperis al multaj. Sed la kapitano,
kaj tiuj kiuj estis ĉe li kaj gardis Jesuon, vidante la
tertremon, kaj kio okazis, tre ektimis kaj parolis: Vere,
55 tiu ĉi estis la filo de Dio. Kaj multaj virinoj estis
tie, kiuj rigardis de malproksime, kiuj sekvis Jesuon
56 el Galileo kaj servis al li. Inter kiuj estis Mario
Magdaleno, kaj Mario, patrino de Jakobo kaj Joseso,
kaj la patrino de la infanoj de Cebedeo.
57 Sed je la vespero riĉa homo venis el Arimatio;
kiu estis nomata Josefo kaj estis ankau lernisto de
58 Jesuo. Tiu ĉi iris al Pilato, kaj petis de li la korpon de
59 Jesuo. Pilato ordonis, ke oni donu ĝin al li. Kaj Josefo
60 prenis la korpon, kaj envolvis lin en puran tolon. Kaj
metis lin en sian propran novan tombon, kiun li estis
hakiginta en ŝtonegon; kaj rulis grandan ŝtonon antau
61 la pordon de la tombo kaj deiris. Sed tie estis Mario
Magdaleno, kaj la alia Mario, kaj sidiĝis kontrau la
62 tombo. La alian tagon, kiu sekvas la tagon de preparado

la ĉefpastroj kaj fariseoj venis ĉiuj kune al Pilato.
Kaj parolis: Sinjoro, ni memoris, ke tiu ĉi deloganto 63
parolis, kiam li ankorau vivis; Mi estos revivigonta
post tri tagoj. Tial ordonu, ke oni gardu la tombon 64
ĝis la tria tago, por ke liaj lernistoj ne venu kaj ŝtelu
lin, kaj diru al la popolo: Li reviviĝis el la mortintoj,
kaj la lasta trompo fariĝu pli malica ol la unua. Pilato 65
parolis al ili: Jen estas la gardistoj, ekiru, kaj gardu
ĝin, kiel vi scias. Ili ekiris, kaj antaugardis la tombon 66
per gardistoj, kaj sigelis la ŝtonon.

Sed je la vespero de la sabato, komencante je la 28
mateno de la unua festa tago de la sabatoj, Mario Mag-
daleno venis kaj la alia Mario por rigardi la tombon.
Kaj jen, fariĝis granda tertremo. Ĉar la anĝelo de la 2
Sinjoro venis malsupren el la ĉielo, alproksimiĝis, kaj
rulis la ŝtonon el la pordo kaj sidiĝis sur ĝin. Kaj 3
lia formo estis kiel la fulmo, kaj lia vestaĵo blanka
kiel la neĝo. Sed la gardistoj ektimis je teruro kaj 4
fariĝis kvazau malvivaj. Sed la anĝelo respondis kaj 5
parolis al la virinoj: Ne timu; mi scias, ke vi serĉas
Jesuon, la krucumitan. Li ne estas tie ĉi; li reviviĝis, 6
kiel li diris. Alvenu, kaj rigardu la lokon, kie la
Sinjoro estis kuŝinta. Kaj ekiru rapide kaj diru ĝin 7
al liaj lernistoj, ke li reviviĝis el la mortintoj. Kaj
jen, li ekiros antau vi Galileon, tie vi vidos lin. Jen,
mi diris ĝin al vi. Kaj ili eliris rapide el la tombo, 8
je timo kaj granda ĝojo: kaj kuris, ke ili anoncu ĝin
al liaj lernistoj. Kaj kiam ili iris sciigi liajn lernistojn;
Jen, Jesuo renkontis ilin kaj parolis: Estu salutitaj! 9
Kaj ili alpaŝis, kaj tuŝis liajn piedojn, kaj faliĝis
antau li. Tiam Jesuo parolis al ili: Vi ne timu, ekiru, 10
kaj sciigu ĝin al miaj fratoj, ke ili iru Galileon, tie
ili vidos min.

Sed kiam ili ekiris, jen, kelkaj de la gardistoj 11

venis en la urbon, kaj anoncis ĉion al la ĉefpastroj,
12 kio okazis. Kaj ili kunvenis kun la grandaĝuloj, kaj
konsiliĝis, kaj donante sufiĉe da mono al la soldatoj,
13 Ili parolis: Diru: liaj lernistoj venis je la nokto, kaj
14 ŝtelis lin, dum ni dormis. Kaj se la reganto ekscius
ĝin, ni silentigos lin, kaj zorgos, ke vi estos certigitaj.
15 Kaj ili prenis la monon kaj faris, kiel ili estis instruitaj. Tio-ĉi fariĝis komuna babilado ĉe la Judoj ĝis la
nuna tago.
16 Sed la dekunu lernistoj iris en Galileo sur unu
17 monton, kien Jesuo venigis ilin. Kaj vidante lin, ili
18 faliĝis antau li, sed kelkaj dubis. Kaj Jesuo iris al
ili, parolis al ili kaj diris: Al mi estas donita ĉia
19 postenco en ĉielo kaj sur tero. Tial ekiru, kaj instruu
ĉiujn popolojn, kaj baptu ilin en la nomo de la patro,
20 de la filo kaj de la Sankta Spirito. Kaj instruu ilin
teni ĉion, kion mi ordonis al vi; Kaj jen: Mi estas ĉe
vi ĉiujn tagojn, ĝis la fino de la mondo.

---

Druck von G. Kreysing in Leipzig.

Verlag von **J. C. Hinrichs**, Leipzig.

# Schriften

von

## Pfarrer Lic. Dr. **Alfred Jeremias.**

---

**Das Alte Testament im Lichte des Alten Orients.** Ein Handbuch zur biblisch-orientalischen Altertumskunde. Mit einer vollständigen Darstellung der altorientalischen Lehre und des altorientalischen Weltbildes sowie vielen Abbildungen und Karten. Zweite, stark erweiterte Auflage.

Erscheint im Frühjahr 1906 zum Preise von etwa M. 8 —

**Babylonisches im Neuen Testament.** 1905.
M. 3 —; geb. in Leinw. M. 4 —

**Monotheistische Strömungen** innerhalb der babylonischen Religion. Auf Grund eines Vortrages gehalten auf dem II. internationalen Kongress für Religionsgeschichte zu Basel 1904. 1904. M. — 80

**Im Kampfe um Babel und Bibel.** Ein Wort zur Verständigung und Abwehr. Vierte, abermals erweiterte Auflage. 8.—10. Tausend. Mit einem Vorwort: „Offenbarung im Alten Testament". 1903. M. — 60

**Hölle und Paradies** bei den Babyloniern. Zweite, verbesserte und erweiterte Auflage. 3.—7. Tausend. Unter Berücksichtigung der biblischen Parallelen und mit Verzeichnis der Bibelstellen. (Mit 10 Abbildungen.) 1903.
M. — 60

**Vom Leben nach dem Tode.** Die babylonisch-assyrischen Vorstellungen nach den Quellen mit Berücksichtigung der alttestamentlichen Parallelen dargestellt. 1887. M. 6 —

## Von Dr. Zamenhof

## anerkannt ... er der Espe ... e.




J. Borel, **Vollständiges Lehrbuch** der Esperantosprache, mit Übungen, Syntax und Proben aus Poesie und Prosa. M. 1.20

„ **Schlüssel** hierzu. M. — 50

Dr. Zamenhof, **Wörterbuch Deutsch - Esperanto.** M. 2 —

H. Jürgensen, **Wörterbuch Esperanto-Deutsch.** M. 1.80

**Fundamento de Esperanto** Dro Zamenhof. M. 2.60

**Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto,** de Dro Zamenhof (2a Eld.). M. 2.80

**Esperantaj Prozaĵoj** „kolekto da tekstoj de plej bonaj aŭtoroj“. M. 2 —

**Hamleto, Reĝido de Danujo** (Tragedio de Shakespeare), traduk. de Dro Zamenhof. M. 1.60

**Germana Esperantisto,** Monatschrift in Esperanto und Deutsch. 1 Jahr M. 3 —; 1/2 Jahr M. 1.50

Sämtliche Esperanto-Werke

sind zu beziehen von dem

**Esperanto-Verlag Möller & Borel, Berlin S.,**

Prinzenstr. 95.

---

Druck von G. Kreysing in Leipzig.